Xa jaro. No 155 (19) ☆ Duonmonata ☆ 20 Oktobro 1913

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

# PACO KAJ GAZETARO

Ni ĉi-sube aperigas tradukon de la vigla raporto, kiun nia samideano, S-ro Alfred H. Fried, nobel-premiulo kaj unu el la ĉefoj de la germanlingva pacmovado, prezentis ĉe la lasta Packongreso en Hago. Oni utile komparos tiun raporton kun tiu prezentita de S-ro Rousseau ĉe la Kongreso de UEA pri *„UEA kaj ŝovinismo“* (*Esperanto*, 20 septembro).

La pacamantoj ĉiam penis varbi la gazetaron kaj malhelpi ĝiajn ekcesojn. Ili ja scias, ke la internacia organizo, kiun ili deziras, plenumiĝos nur per profunda modifo de la publika opinio kaj per reedukado de la spiritoj. Por atingi tiun celon, la gazeto estas, se ne la sola, almenaŭ la plej oportuna kaj la plej adekvata rimedo. Ĉar se oni volas plimalgrandigi la danĝerojn, kiuj rezultas el la internaciaj konfliktoj, se oni volas eviti, ke la regnoj jetu unu kontraŭ la alia siajn grandegajn armeojn, oni devas forigi la malamikecon, kiun iuj gazetoj konstante penas dissemi inter la popoloj, kaj malaperigi la malkomprenojn, kiuj tiel ofte estas la ĉefkaŭzo de la konflikto. Jam en 1843, ĉe la unua por paca kongreso en Londono, tiu grava demando estis en la tagordo kaj longe estis diskutita. De tiu epoko, la problemo fariĝis ankoraŭ pli akra. La grandegaj progresoj de la presarto faris el la gazetaro timindan potencon, kiu havas senĉese pligrandiĝantan influon je la popolamasoj. Sed la eblеco senlime propagandi ĉies verkaĵojn aŭ opiniojn havis ne sole profitojn; ĝi ankaŭ naskis malbonojn, kiujn oni devas kontraŭbatali. Se ĝi unuflanke alproksimigis la diversajn mondopartojn ĝis tia grado, ke la plej malproksimaj regionoj estas nun malpli fremdaj ol estis la provincoj de sama lando je la epoko de niaj prapatroj, la gazetaro aliflanke kreis konfuzon, kiu estas la fonto de multaj eraroj. La multeco de la informoj de ĉie venantaj kaŭzas, ke niaj gazetoj estas devigataj doni nur tiujn, kiuj, je difinita momento, ŝajnas la plej trafaj, ni eĉ povus diri la plej nenormalaj. Antaŭ tiu ondo de novaĵoj, la leganto ne kapablas atenti la regulan, normalan vivadon de la fremdaj popoloj. Se la rilatoj inter la kaŭzoj kaj rezultatoj, kiuj ligas la okazontaĵojn, ankoraŭ estas notataj de la klerulo, la popolamaso ilin ne plu komprenas. Ne kapabla diferencigi la ĉefaĵon kaj la malĉefaĵon, la regulon kaj la escepton, la veraĵon kaj la malveraĵon, ĝi fine havas pri la mondo bildon, kiu estas nur karikaturo. Tiamaniere naskiĝas la malestimo al la najbaro kaj tiu mallarĝa ŝovinismo, kiu kondamnas ĉion, kio fremdlande ne estas tute sama kiel enlande. En tiaj kondiĉoj, facile estas eksplodigi la naciajn pasiojn, ilin ekspluati por la profito de interesoj, kiuj kun la patrujo havas nenion komunan. Ni neniel elmetas paradokson, dirante, ke homo de la XXa jarcento malpli bone konas la fremdajn popolojn kaj iliajn instituciojn, ol liaj praavoj de la XVIIIa aŭ XVIIa jarcento, kiuj estis informitaj nur per la vojaĝaj rakontoj, verkitaj de vojaĝistoj. Tiuj ĉi informiĝis ĉe la fonto mem, ili estis atestantoj de la okazintaĵoj, kiujn ili rakontis. La vero havis tiam sufiĉe da allogo; oni ne bezonis ĝin ornami.

Malgraŭ la progresoj en la interkomunikoj, la popoloj konas unu la alian preskaŭ nur per la gazeto. Malmultaj homoj havas la okazon viziti la fremdajn landojn aŭ tie restadi. En tiu rilato, la gazetaro estas preskaŭ la sola informilo. Elektante la faktojn, kiujn ĝi raportas, kaj la novaĵojn, kiujn ĝi disvastigas, ĝi direktas la publikan opinion. Bedaŭrinde, la gazetaro ne estas ankoraŭ organizita por ludi la grandegan rolon, kiu staras antaŭ ĝi. Plej ofte, gazeto estas „afero“ en la plej komerca senco de tiu vorto. Ĝi

servas la materiajn interesojn de sia eldonisto aŭ de homgrupo, kiu bezonas influi la publikon. El tiu vidpunkto estas ĝenerale konsiderataj la artikoloj aŭ la novaĵoj, kiujn ĝi publikigas. La faktoj kaj opinioj, kiuj favoras tiujn interesojn, aperas; la aliaj estas ĉu malakceptataj, ĉu — pli grave — kripligataj. La ideoj, kiujn pri tia aŭ alia okazintaĵo aŭ demando havas la plimultaj homoj, do grandparte dependas de la formo, en kiu la intereso de kelkaj personoj postulis, ke tiu okazintaĵo aŭ tiu demando estu prezentata.

Ni volonte konfesas, ke jam nun en ĉiuj landoj ekzistas gazetoj, kiuj konscias pri sia civiliziga tasko, kaj por vivi bezonas nek flati la instinktojn de la popolamasoj, nek favori nenomeblajn interesojn. Sed tiaspecaj gazetoj ne estas sufiĉe multaj por kontraŭbalanci la influon de la aliaj. Plie, ĉar tiuj lastaj, ĝis nun superaj per la nombro, instigis la sensaciemon de la publiko, estas ĝuste ili, kiuj estas presataj plej grandnombre kaj estas la plej riĉaj. Tiel okazas, ke, ĉie, la plej disvastigataj, la plej legataj gazetoj neniel zorgas kunlabori je ia ajn civiliziga entrepreno, sed koncentrigas sian penadon je unu sola afero, nome: superi la konkurantajn organojn per ĉiam pli sensaciaj novaĵoj.

La konsekvencoj de tiu stato estas bedaŭregindaj. Unue, milionoj de legantoj restas plene malkleraj pri la grandaj nuntempaj problemoj, ĉar ĝuste tiuj problemoj solviĝas malrapide kaj senbrue. Due, dum tiuj legantoj vivas ekster la intelekta movado de sia tempo, ili estas tre precize informataj pri la difektaĵoj de nia civilizacio. Aŭdante nur pri krimoj, tumultoj kaj brutaj manifestadoj, ili fine kredas, ke la perforto regas la mondon. La necesaĵoj de la konkurenco devigis ĉiujn tiaspecajn gazetojn, senkontrole kaj rapide akcepti novaĵojn. Tiel ili naskas ĉe siaj legantoj malĝustajn pensojn, erarajn ideojn, sen ia simileco kun la vero. Fine, ofte okazas, ke tiu senskrupula gazetaro enpresas plene elpensitajn novaĵojn, kiuj kaŭzas grandan malbonon, eĉ se ili poste estas malkonfirmataj. La legendo havas kontraŭ la historio tiun superecon, ke ĝi adaptiĝas al la spirito de la popolamasoj kaj al la vero, kiun ĝi maskas.

La malbona gazetaro estas speciale danĝera por la progreso de la pacaj ideoj, kiuj ne estas temo por sensaciaĵoj. Ĝi kontraŭe havas tre klaran preferon por ĉio, kio semas la malamon inter la popoloj.

La perspektivo de sanga konflikto, revolucio, milito, havigas al ĝi pli da legantoj, ol ĉiuj humanaj teorioj. Tial, kun abundaj detaloj estas priskribataj ĉiuj okazintaĵoj taŭgaj por eksciti la popolajn pasiojn kaj la malnoblajn instinktojn de la amasoj. La plej malgranda tia fakto estas ĉie anoncata plej brue; oni insistas pri ĉia cirkonstanco krediganta pri la baldaŭeco de la katastrofo. Se tiu ekokazas, la gazetaro neniam aŭdigas la voĉon de la saĝeco kaj konsentemo. Ĝi kontraŭe penas eksciti la malamon inter militantoj; ju pli la milito ruinigas, des pli prosperas ĝiaj aferoj. Sufiĉas ekzameni la nuntempan historion; oni konstatos, kiel pravaj estas tiuj rimarkoj. De kvardek jaroj la paco regas inter la grandaj Eŭropaj regnoj. Tamen ĉiujare, eĉ plurfoje en la jaro, tiuj gazetoj anoncis, ke la milito estas okazonta. Tiuj malveraĵoj cetere ne malutilis al ili. La publiko estas facila klientaro. Ĝi akceptas la hodiaŭan novaĵon, kaj ne penas ĝin akordigi kun la hieraŭa. Ĝi havas mallongan memoron kaj estas impresebla je la plej alta grado. Tiuj senĉesaj malamaj instigoj kreas en la popolo senton de malamikeco, kies unu el la elmontroj estas la mallarĝa kaj defiema ŝovinismo. Tiu gazetaro ne kontentigas sin, propagandante la mensogon; ĝi ĉiumaniere malhelpas la laboradon de tiuj, kiuj penas dispeli la antaŭjuĝojn kaj alproksimigi la popolojn.

La disvastigo de la malamo respondas al tiu bezono de la sensaciaĵoj; jen en kiaj kondiĉoj floras la nuna reĝimo, la reĝimo de la armita paco, de la paco dependanta de iu ajn malgranda okazontaĵo.

La pacamantoj, en la intereso mem de la civilizacio, havas antaŭ si grandan kaj noblan taskon. Ni ne estas la solaj, kiuj tion proklamas. Eminentaj ŝtatistoj tion faris antaŭ ni. Ĉar se ofte okazis, ke registaroj uzis la gazetaron kiel fanfaron, se ili iafoje subtenis aŭ eĉ naskis tian aŭ alian agitadon por subteni tian aŭ alian nenomeblan entreprenon, ni aliparte devas konfesi, ke ofte ankaŭ ili publike kondamnis ĝian defieman sintenadon kaj ĝiajn maljustajn akuzojn. Winston Churchill iam ekkriis: „Dio gardu la patrujon kontraŭ la patriota gazetaro". Harcourt, angla ministro de la publiklaboroj diris pri iuj gazetistoj: „Ili estas la piratoj de la politiko, la malamikoj de la homaro". La plendoj de la ministroj de eksterlandaj aferoj estas pli kaj pli oftaj. En 1892, grafo Kalnoky, ministro de Aŭstrio-Hungario rekomendis al la pacaj societoj varbi la ĉiutagan gazetaron. La 18 septembro, li kulpigis la gazetojn, kiuj incitas la nervojn kaj eĉ la ŝovinistajn pasiojn de siaj legantoj ĝis tia grado, ke la registaroj bezonas multe da penoj por ilin kvietigi kaj retrankviligi.

Pli malfrue, en 1906, grafo Aerenthal parolis pri tiuj senprudentuloj, kiuj, en la gazetaro, ŝveligas la veron, dikigas kaj transformas la faktojn.

La sekvantan jaron, la Itala ĉefministro, S-ro Tittoni, vigle kritikis „la trograndigojn de ia gazetaro, kies provokoj estas plej grava danĝero por la ĝenerala paco". Pli malfrue, Campbell-Bannermann, princo Bülow, Kiderlen-Wächter kaj pluraj aliaj ŝtatistoj parolis laŭ la sama senco.

La tasko realigota estas certe malfacila; neebla ĝi ne estas. Ni unue devas protekti la popolamason kontraŭ la supre aludita veneno. Oni eduku, klerigu la popolon, montru al ĝi la profitojn, kiuj rezultus de la internacia justeco. Ke tio estas ebla, eĉ nur kun parto de la gazetaro, montras la spertoj de la lastaj jaroj. Malgraŭ la indeferenteco, la malŝato aŭ eĉ la malbonvolo de granda parto de la gazetaro, la paca movado disvastiĝis en neatendita maniero.

La kreo de granda telegrafagentejo, kiu celus favori la interpopolajn rilatojn, estus netakseble utila. En okazo de konflikto ĝi havus moderigan influon. Se ĝi sukcesus eviti nur unu konflikton ĝi en unu fojo por longa tempo repagus siajn elspezojn. Liverante ĝustajn informojn pri la sociaj, ekonomiaj, industriaj progresoj de la diversaj landoj, ĝi helpus al la forigo de la antaŭjuĝoj kaj eraroj.

Antaŭ pluraj jaroj mi montris, kiel utile estus, ke oni kreu ian Ĝenevan Konvencion de la gazetaro. Per konvencio oni povis forigi iajn praktikojn aŭ malbonajn procedojn de mallojala milito. Ĉu oni tiel same, per interkonsento inter gazetistoj, ne povus elpeli de la internacia polemiko ĉion, kio povas naski aŭ nutri la interpopolan malamon: mensogajn statistikojn, senfundamentajn akuzojn, malafablajn opiniojn pri la institucioj de fremdaj ŝtatoj aŭ ŝtatistoj? Ne dube estas, ke oni tiel multe faciligus la internaciajn rilatojn. Prezenti ĉiun informon en ĝentila formo, kiu montrus nek jaluzon, nek malbonvolon, nek kaŝan ideon, rapide malaperigus la supre nomitajn malbonaĵojn. La grandaj gazetoj penus publikigi nenian novaĵon sen antaŭa zorga kontrolo; la malgrandaj ilin baldaŭ imitus. Tiel oni eble povus naski tiun „internacian spiriton", kiu, laŭ S-ro Nicolas Murray Butler, konsistas en tio, ke oni juĝas la popolojn laŭ ilia vidpunkto. Por doni pli da forto al tia interkonsento, la gazetoj aliĝintaj al tiuj principoj povus havi eksteran signon por la publiko, ekzemple nigra kruco sur blanka fono. Jam nun ekzistas internaciaj gazetaraj kongresoj, sed ili sin okupas nur pri profesiaj aferoj. Estus do utile, ke, krom ili, okazu oftaj kunvenoj de gazetistoj apartenantaj al du aŭ tri landoj, se eble al landoj, inter kiuj

estas malkonsentoj. Tiaj kunvenoj povas havi tre feliĉajn rezultatojn, kiel pruvis la kunvenoj inter britaj kaj germanaj gazetistoj antaŭ kelkaj jaroj. Homoj, kiuj renkontiĝis, kune diskutis kaj persone rilatiĝis unu kun la alia, ne povas polemiki, kvazaŭ ili estus fremdaj. Oni do devas kiel eble plej instigi la gazetistojn mem konstati, kio okazas trans la limoj de ilia lando. Neniu devus permesi al si la kritikadon de institucioj aŭ popoloj de landoj, kie li neniam estis.

La malamikeco naskiĝas ofte de tio, ke malafablaj opinioj ĉerpataj el gazetoj malŝatataj en ilia propra lando, estas kompleze represataj de najbarlandaj gazetoj kaj prezentataj kiel esprimo de la sentoj de tuta nacio. Tiun malbonon oni facile povus eviti, farante ĝeneralan katalogon, en kiu estus notata ĉiu gazeto kun informoj pri ĝia graveco. Tiamaniere, oni povus senmaskigi la gazetojn, kies celo estas la dissemado de la malamo inter la popoloj. Tiu decido estus alprenata de komisiono prezentanta ĉiujn garantiojn de senpartieco. Estus ekstreme malagrable por iu gazeto, se ĝi estus deklarata „organo malutila al la homaro“.

El multjara sperto, ni scias, ke treege utilaj estas personaj vizitoj al gazetistoj, kiam oni konstatis, ke ili ne diras la veron aŭ eltiras malĝustajn konkludojn el nekontestitaj faktoj. Vizito aŭ letero iafoje sufiĉas por modifigi opinion, kiu unuavide ŝajnis neobjektiva. La malkomprenoj kaj la antaŭjuĝoj estas tiel timindaj, kiel la malboneco kaj la partiemo.

*Alfred H. Fried.*
Trad.[1] *A. R.*

 SOCIA VIVO 

## Al la lando de miaj revoj

III

Interalie ni vizitis la Oficejon de la Propaganda Ligo „Parkurbo Esperanto“, kie mia tre afabla kunfrato Devjatnin bonvolis montri al ni multajn aferojn, gvidi nin en ĉiujn fakojn, klarigi al ni mirindaĵojn, ke fine mi devis certiĝi, ke ĉio estas serioza afero, nepre utilega por nia movado.

Kun apetito mi tagmanĝis en la sama hotelo, kiu efektive estas Esperanta: la majstro mem, S-ro Reichshof, ankaŭ parolas Esperanton. Unu post la alia venis S-roj Tressel kaj Krumbach, kun kiuj mi pasigis la tempon en tre agrabla babilado. Dank'al la afableco de S-ro Krumbach mi povis ĝis la vespero ĝui ankoraŭ kelkajn vidindaĵojn kaj viziti la Hofbräuhaus — fama bierejego, kie min mirigis la multnombreco de l'trinkantoj kaj la malkareco de la tiel bonkvalita biero: unu litro kostas nur 6 sd.! Feliĉaj Munhenanoj! Ĉie, sur vitroŝrankoj, surpendaĵoj, ludiloj, glasoj k. c. — ĉie vidiĝas la malnova blazono de Munheno: monaĥo kun glaso en unu mano kaj rapo en la alia. Tie ĉi entute estas verŝiĝinta la trankvila germana animo — bona, rekta kaj vivĝoja.

La horloĝmontriloj jam vojaĝis al la sepa, kiam kun S-roj Devjatnin, sekretario, kaj Sievers, arkitekto ĉe la Parkurbo, ni ĉiuj troviĝis en belega luksa bierejo, kie aŭskultante belan orkestran koncerton, ni trinkis, manĝetis kaj longe babilis pri multaj, multaj aferoj. Tie mi interkonatiĝis kun niaj samideanoj D-ro Stuhlberger kaj S-ro Kiefer, blindulo. Vespere S-ro Devjatnin akompanis min ĝis la Esp. hotelo, kie devis okazi kurso Esperantista. Li promesis reveni post duonhoro por iri kune en kinematografejon — ja la slavoj tre amas ĝin!

La kursejo estis unu el la plej luksaj. Kiam mi eniris estis jam multaj gesamideanoj. Kiel gasto mi estis prezentita kaj metita meze de longa tablo, ĉirkaŭita de gekursanoj, junaj kaj maljunaj, precipe fraŭlinoj. La kurso komencis je la 9a h., gvidata de S-ro D-ro Proels, prezidanto de l'societo, kaj devis fini je la 10a h. Maldekstre de mi oni legis kaj dekstre oni praktikis la lingvon demandante sin pri... sonĝoj... Post duonhoro oni komencis kanti, komprenèble en Esperanto, post kio S-ro prezidanto stariĝis — tute ne por foriri: li tuj troviĝis malantaŭ mi, antaŭ la piano, kaj jen muziko, kantoj kaj... dancoj... tuta vesperfesto, kiu daŭris ĝis meznokto. Jen kiel bele okazas la kursoj en tiu bela urbo, kaj mi trovis ilin tre praktikaj — *teoria sine practica nihil est.* Ĝis tiam S-ro Proels estis nomata la „dancema prezidanto“, sed mi trovis pli konvene lin nomi la „dancanta prezidanto“, ĉar li ankaŭ dancis. Mi ne forgesu diri pri la trinkado kaj manĝado dum la paŭzoj...

S-ro Devjatnin ne venis; kompreneble li ne estas anglo. Tamen S-ro Tressel estis pli preciza kaj post longa babilado, meze de Esperanta-dancanta atmosfero, ni adiaŭis dirante „ĝis la revido morgaŭ matene“, kiam je la 7a h. akompanita ĝis la stacidomo de S-ro Tressel, mi devis forveturi kun plej bonaj kaj neforgeseblaj impresoj de la bavara ĉefurbo kaj kun mil dankoj al niaj karaj Munhenaj geamikoj...

— Ho, kiel facile ni venkus la mondon granitan, se ni havus pli multe da similaj feinoj, pensis mi vojaĝante al Baselo en la duaklasa kupeo kun patro kaj filino — germanoj... La sinjoro parolis france, *kaj* ni komencis interparolon precipe pri la militaj aferoj. *Li* demandis min pri niaj venkoj, kiujn li, kiel *multaj aliaj*, admiris. Tamen ne la fakto estas admirinda, sed *la kaŭzoj*, kiuj ĝin venigis, ĉar nenio en la vivo ekzistas aparte, sendepende. Ĉiu fakto havas siajn kaŭzojn kaj konsekvencojn. Ne per la forto ni venkis, sed per la kulturo, per la saĝeco kaj inteligenteco, kiujn ni unue venkoatingis en nia ŝtato.

Mia kunvojaĝanto estis tre inteligenta kaj, interalie li parolis al mi pri generalo Moltke, pri la franca-germana milito de 1870—1871 kaj, laŭ mia deziro, pri la germana literaturo. Mi ne preterlasis la okazon konatigi ankaŭ ilin pri Esperanto kaj pri nia ideo, kaj ili estis ravataj pri la simpleco, beleco kaj facileco de nia lingvo.

— Ni ankaŭ ĝin ellernos, kiam ĉiuj ĝin konos, diris ameme la fraŭlino. — Bone, reprenis mi, sed de kio konsistas ĉi tiu „ĉiuj“, se ne de apartaj unuoj! Ĉu ne eĉ la plej grandega konstruaĵo konsistas el malgrandaj „konstruaj ŝtonoj“? Do, ni mem devas komenci por doni la „tuton“...

Ili konsentis kun mi, ke la enkonduko de Esperanto estas unu el la plej gravaj kulturaj taskoj por la tuta mondo kaj fruktodona por ĉiu aparta nacio. Fine miaj kunvojaĝantoj promesis labori en tiun direkton.

La vagonaro ĉiam flugas, flugas kaj survoje al Baselo mi estas rigardanto de tre multaj kaj belegaj vidaĵoj: pejzaĝoj, lagoj, abiarbaretoj, diversaj pitoreskaĵoj... Fine la famekonataj Alpoj! Dio mia, ĉu *mi* estas ĉi tie? Mi frotas la okulojn — ne estas sonĝo. La belaj, majestaj Alpoj staras antaŭ mi en sia blanka vesto, kiel bela knabino iranta al la unua komunio. Post granda lago en la malproksimeco mia germana kunvojaĝanto montras al mi la murojn kaj kupolojn de antikva preĝejo de 500 jaroj. Ho, kiel mi volis momente halti kaj ĝui pli longe tiujn belajn vidaĵojn! Sed la vagonaro ĉiam flugis, kaj mi estis impresata jen de la neĝkovritaj montetoj kaj Alpaj antaŭmontetoj, jen de glaciiĝintaj lagoj. Jen fabriko de papero farata el arboj, poste domoj faritaj en la ŝtonegoj mem. Kaj kiel pentrinda la zigzagado de Rejno kun siaj arboriĉaj bordoj!

*(Daŭrigota.)* *I. H. Krestanof* (Dijon).

[1] Laŭ raporto prezentita ĉe la Paca Kongreso en Hago.

## Vilaĝanaj pruntedonaj asocioj en Siberio

II

Nun mi povas trakti la staton de pruntedonaj asocioj en nia Transbajkalo. En 1908, en nia vasta regiono, estis starigitaj nur du kreditasocioj — unu el ili la plej aktiva kaj multmembra el ĉiuj transbajkalaj asocioj ĉe „burjatoj“ („burjatoj“ estas indiĝenoj, nomadoj, brutedukistoj, idolistoj laŭ religio) en „Aga stepa Dumo“. En la fino de 1911 jam estas malfermitaj 22 kreditasocioj kaj 9 prunte-ŝparasocioj kaj ankoraŭ anonciĝis ĝis 30 asocioj, kiuj estos permesitaj ĝis nova jaro. Oni vidas, ke la kooperativa ideo estas semata tie ĉi sur fruktodonan grundon. Nune jam „flugas en aero“ la ideo pri bezono de unuiĝo de ĉiuj pruntedonaj asocioj de nia regiono. Kian ajn fakon de homagado oni prenas, ĉie oni vidas, ke unuiĝo sukcesos pli ol ĉia asocio aparte.

Ankaŭ estas necese ellabori la demandon pri kooperativa presorgano. En decembro 1911 estis aranĝita en urbo Ĉita regiona kongreso de ĉiuj agistoj sur la kampo kooperativa, terkultura, agronomia.

Ne parolante plu pri pruntedonaj kaj prunte-ŝparaj asocioj en nia regiono, ĉar ili nur antaŭ nelonge laboras, kaj ni ne povas ĝuste kaj trafe juĝi pri ilia agado, mi traktos nur pri unu kreditasocio en Aga inter nomadoj „burjatoj“, ĉar la agado de tiu Asocio estas tre sukcesplena kaj interesa, des pli ke sufiĉe bone ĝi montras al ni la progresemecon kaj kulturiĝemecon de niaj bonaj modestaj Siberiaj nomadoj. Mi nur rememoru, ke „burjatoj“ estas gento de mongola raso. Sur la karto geografia oni facile trovos en nia regiono inter fervojstacioj Karimska kaj Onon la stacion Aga; je distanco 40 km estas lokita rusa kaj burjata vilaĝo Aga, centro de la vasta burjata regiono. En Aga rusa estas pastrejo kaj preĝejo; en Aga burjata estas lamaejo kaj „dacano“ (burjata preĝejo; „lamaismo“ estas mikso de buddismo kun idoleco). Inter burjatoj, kies infanoj lernas ne nur en burjataj lamaaj lernejoj, sed en la rusaj vilaĝaj unukaj duklasaj; eĉ en Ĉita virgimnazio, estas sufiĉe da kleraj homoj, sed ili ne ŝanĝas la kutimojn de nekleraj burjatoj, kondukas simplegan vivmanieron kaj oni neniam kiel klerulon konsideros burjaton, se nur li mem ne tion klarigos.

Antaŭ kelkaj jaroj niaj burjatoj sendis sian reprezentanton en la Regnan Dumon; li estis la iniciatanto de organizado de kreditasocio inter nomadoj. La sukcesoj estis bonegaj. La fundamenta kapitalo estis pruntedonita de la Regna Banko por 13-jara limtempo je sumo da 2000 Sm.; post kelkaj monatoj la vilaĝara kunveno donis liberteron por konstruado de propra domo asocia, kaj tuta libera vilaĝara kapitalo je sumo 10.700 Sm. estis pruntedonita al Asocio po 4 % kaj tiele dislokita: 1a 5000 Sm. por pligrandigi fundamentan kapitalon por 13 jaroj; 2a 5000 Sm. kiel prunto por mallonga (nur unu jaro) limtempo, kaj 3a 700 Sm. por eksterordinaraj elspezoj. Tielmaniere, Aga pruntedona asocio posedas kapitalon da 15—16 miloj da Sm. dum 3—4 monatoj de sia ekzistado! Oni vidas klare, ke la konsento de la loĝantaro estis ne nur platonika! Dank'al tio la Regna Banko — laŭ la regularo havas rajton pligrandigi mallongedaŭran prunton ĝis 70.000 Sm.

La 15 februaro 1910 (tri jaroj de ekzistado) la enspezoj prezentis 161.595 Sm., la elspezoj 161.992 Sm., la tuta bilanco 323.587,89 Sm. La nombro de asocianoj atingis 969 komence de 1911.

La regularo de la pruntedonaj asocioj donas rajton makleri, peri por iliaj membroj ĉion bezonan, aĉeti pli malmultekoste kaj vendi pli multekoste la produktojn de la laborado de la asocianoj, t. e. peradi. Komisiprofito de perado estis egala je 3055 Sm., kaj pura profito, kiu formiĝis el % de pruntedonoj, estis 4064 Sm. Kun la pereco de la kreditasocio estis venditaj peltoj, donitaj de la membroj, je sumo dą 14.570 Sm., kaj estis kreditvenditaj al la membroj diversaj terkulturiloj je sumo 3120 Sm., teo je 12.264 Sm., k. t. p. Kiam Aga kreditasocio estis malfermata, tiam estis nur 30 membroj; la 1a januaro 1911 estis proksimume 1000 membroj. La unuan jaron de sia ekzistado la anoj de administrado laboris senpage, la duan jaron pro mizera pago, dum la tria jaro la kasisto ricevis 300 Sm. jare. Dum tria jaro de laborado estis rimarkate, ke la meznombro de pruntoprenoj grade estis malgrandigita, en 1908 meznombre je ĉia pruntedono estis 67 Sm., en 1909 — 43 Sm., en 1910 — 31 Sm. En la komenco de l'afero la membroj estis sufiĉe monhavaj; en la lastaj jaroj enmembriĝas pli malriĉaj homoj. Tiel, okazas demokratiĝo de l'asocio. Nunan jaron oni donis 150 Sm. por veturado de unu membro al Omska okcident-siberia ekspozicio.

Tiuj faktoj, inter multaj aliaj, klare montras la progreson de la kooperativa ideo ĉe la rusa popolo, eĉ en lokoj ankoraŭ malmulte influataj de la Eŭropa kulturo.

Trad. *I. Seriŝev* (Del. Krasnij Jar).

---

## Anabiozo

II

Tiuj eksperimentoj, kiujn mi faros sub la aŭspicio de la universitato je nomo de A. L. Ŝanjavskij, estos la jenaj:

Komence mi esploros blankajn musojn, kiel bestojn, kiuj ne havas dumvintran dormadon. Tiuj bestoj, kiel montris antaŭaj esploroj, ne povas esti frostigitaj sen morta rezultato ĉe temperaturo pli alta ol nulo (ili mortas ĉe + 15° temperaturo de sia korpo). Tamen, se oni ilin devigos spiri per karba acido kun oksigeno, tiam ili ekdormas kaj ilia temperaturo malsupreniĝas ĝis 0°, se ili troviĝas sur neĝo. Kun granda kredebleco oni povas diri, ke ili ĉe plua malvarmiĝo montros la samajn aperojn, kiujn ni vidis ĉe la vespertoj, nome ili frostiĝos post la temperatura salto kaj estos revivigeblaj se ilia temperaturo ne iĝos pli malalta ol la morta punkto.

Tiu ĉi eksperimento decidos la sorton de miaj pluaj esploroj, ĉar tiam oni povos fari la saman operacion al la kunikloj, simioj kaj, fine, al la homo.

Sukcesonte tiujn ĉi eksperimentojn, pri kio mi eĉ minuton ne dubas, ni havus sekvantajn allogajn perspektivojn. Ni tiam povus kuraci kelkajn malsanojn de l'homo, kiel, ekzemple, ftizon. Estas konate, ke tuberkulozaj bakterioj, tiel nomataj „Koĥ'aj stangetoj“, ĉe malvarmo de 6° dum 2—3 semajnoj, ne plu kapablas pluriĝi. Do sekvas, ke se ni donus al la homo, malsana je ftizo, anabiozan staton ĉe 8°-a temperaturo malvarma, tiam, post 2—3 semajnoj liaj „Koĥ'aj stangetoj“ estus sendanĝeraj. Ni povus savi de malsatmorto, ekzemple, ŝafojn kiam estas malbonrikolo, kio ofte okazas en Rusujo; por tia celo estus bezone nur frostigi la ŝafojn kaj poste ilin malfrostigi printempe, kiam aperis printempaj herboj. Ni povus sammaniere frostigi diversajn birdojn, transporti ilin trans grandaj distancoj kaj tie denove ilin revivigi.

Je tiuj ĉi perspektivoj ankaŭ ŝajnas esti tro malproksimaj, sed nun oni jam povus utiligi anabiozon por praktikaj celoj en sekvantaj okazoj, kiuj ne estas pridubeblaj. Ni povus frostigi kelke da milionoj de utilaj por ni parazitoj (ekz. mikrogasteroj) kaj, disfrostiginte ilin, kiam tio bezonos, lasi ilin por batalado kontraŭ malutilaj insektoj, ĉar kiel oni scias, da utilaj parazitoj estas en la naturo jam tre malmulte.

Ni povus preni de abeloj tiun mielon, kiun abelistoj restigas por vintro en abelujoj, frostiginte la abelaron. Kvanto de tiu mielo en unu abelujo estas 20—25 funtoj.

Vastan aplikon povas havi anabiozo en fiŝnegoco: sufiĉas nur frostigi altvalorajn fiŝojn, kiel nomatajn *ruĝaj*, ekzemple sevrugoj, sturgoj k.a.), transporti ilin tien, kie ili ne estas, kaj tie ilin revivigi. Ni havus tiam ekzemple en Peterburgo, Varsovio k. t. p. ĉiutempe vivantajn sturgojn, kaj ankaŭ freŝan frajon, kiel tion montras la eksperimento kun karaso en Moskvo.

Similajn aplikojn oni povus kalkuli po dekoj. Tamen, por enkonduki ilin en la vivon estas necesaj ankoraŭ detalaj eksperimentoj, havantaj teknikan karakteron. Sendube troviĝos homoj, dezirantaj starigi la aferon larĝe; tiuokaze mi ĉiam estas preta helpi ilin per miaj konsiloj.

Grandan signifon havas anabiozo ankaŭ por pura scienco. Jam la sola fakto, ke en tiu stato la besto ne vivas kaj ankaŭ ne mortis, estas atentinda por biologoj. Krom tio, ne malgrandan signifon havas anabiozo por la teorio de heredeco. Efektive, se el la frajo de mia karaso, al kiu mi inokulis anabiozon, kaj kiu naĝas nun en akvario de la agrikultura instituto, en Moskvo, elkreskos kvankam iom ŝanĝintaj karasidoj, tiam la ŝanĝo nepre devos efiki la pluan ilian generacion, kiel tion montr s la eksperimentoj de Ŝtrandfus, Franc k. a. kun papilioj. Se ni anabiozigos tiujn pluajn generaciojn, tiam la ŝanĝoj iĝos ĉiam pli rimarkeblaj, kaj — kiu scias? — ni tiuvoje kreus, povas esti, novajn specojn de fiŝoj.

Mi proponas al fiziologoj, histologoj, embriologoj kaj al la aliaj reprezentantoj de medicino konsideri pri la aplikoj de anabiozo en ilia specialeco, ĉar la influoj de anabioza stato, ekzemple, al embrio de vivestaĵo, funkcioj de l'ŝanĝado k. a. ne estas pridubebla, kiel tion vidigis, inter alie, miaj eksperimentoj kun vespertoj.

P-ro *P. Baĥmetjev.*
Trad. *J. Dolgov* (Moskvo).

# NOTOJ

.·. **Scienca esploro en Sud-Ameriko.** — Sur vaporŝipo „Annie Johnson", de Gutemburgo al Buenos-Aires, alvenis en ĉi tiun havenon scienca sveda esploristo Barono Erland Nordenskjöld kaj lia edzino Baronino Olga Adelow. Komisiita de Universitato de Stokholmo kaj de diversaj geografiaj asocioj svedaj, Nordenskjöld faros gravan esploron en la centra parto de Sud-Ameriko, tra la landlimoj de Bolivio, Peruo, Brazilujo, Kolombio kaj Ekvatoro, regiono preskaŭ nekonata, kaj certe tute fremda ĝis nun al la scienca serĉado. Tre malmulte oni scias ja pri ĝia best- kaj kreskaĵaro, sed estas konjekteble, ke ĝia fruktodoneco ne estas tre riĉa; ĉar ĝi estis tute senhoma ĝis kiam la civilizacio puŝis tien la indiĝenojn. La vojaĝo, malfacila vojaĝo, vere, danĝerplena, daŭros pli-malpli du jarojn, kaj kiel eble plej ofte ni estos informataj de la geesploristoj pri la rezultatoj atingitaj. Fininte sian studpilgrimadon, Nordenskjöld publikigos libron, kiu sendube estos tre interesa, speciale por la sciencularo, sed li antaŭkonigos siajn ĉefajn studojn etnografiajn kaj arkeologiajn pri la primitivaj gentoj de Sud-Ameriko en la tutamerika kongreso okazonta je la fino de 1914 en La Paz, ĉefurbo de Bolivio, kiun li partoprenos.

Post kelkhora restado en Montevideo, kiun ili uzis por traurba promenado, la geesploristoj daŭrigis vojaĝon al la najbara urbego Buenos-Aires, de kie ili fervoje iros al limo de Argentina Respubliko kaj Bolivio por komenci la esploron. Ges-roj Nordenskjöld estos la unuaj blankuloj, kiuj interrilatos kun fama gento Siriono, plej ribelema al la civilizacio eŭropa. La esploro, do, estos riskplena kaj realigebla nur de la pasio por la scienco, pri kio jam estas donintaj pruvon la svedaj sciencistoj aluditaj. Oni memoras, ke la patro de la nuna esploristo estis ankaŭ tre esplorema, maltimema navigisto, kies studoj tra la arktaj regionoj multe riĉigis la sciencon. Ni penos informadi niajn legantojn pri la interesaj okazintaĵoj de tiu grava esploro en Sud-Ameriko. — H. M. (Montevideo).

.·. **Internacia statistiko de la laboristaj sindikatoj.** — La Internacia sekretariejo de la naciaj sindikatoj federaciaj publikigis la jenan tabelon pri la nombro de la sindikatanoj dum 1910 kaj 1911 en la diversaj landoj:

| Lando | Sindikatanoj 1910 | Sindikatanoj 1911 |
|---|---|---|
| Britujo | 2.440.723 | 3.010.346 |
| Francujo | 977.350 | 1.029.228 |
| Belgujo | 138.928 | 92.735 |
| Nederlando | 143.850 | 153.689 |
| Danujo | 123.864 | 128.224 |
| Svedujo | 121.180 | 116.500 |
| Norvegujo | 47.453 | 53.830 |
| Finnlando | 24.928 | 19.640 |
| Germanujo | 2.688.144 | 3.061.002 |
| Aŭstrio | 451.332 | 496.263 |
| Bosnio-Hercegovino | 6.269 | 5.587 |
| Kroatio, Slavonio | 6.805 | 8.504 |
| Hungario | 86.778 | 95.180 |
| Serbujo | 7.418 | 8.337 |
| Rumanujo | 8.515 | 6.000 |
| Bulgarujo | 3.000 | — |
| Svisujo | 93.797 | 78.119 |
| Italujo | 783 535 | 709.943 |
| Hispanujo | 40.984 | 80.000 |
| Usono | 1.710.433 | 2.282.361 |
| Sumo | 9.905.186 | 11.435.498 |

.·. **La instruado en Rusujo.** — Antaŭ nelonge finiĝis la denombrado de la lerneja loĝantaro de Rusujo. La rezultatoj estas la jenaj: je la 1 januaro 1913 estis en Rusujo 100.295 lernejoj. La ministerio de publika instruado havas 59.682 lernejojn, la pastraro 37.922 kaj la ceteraj ministerioj 2691. Geinstruistoj estas 154.177, lernantoj 6.180.510. Laŭ la denombrado de la lerneja loĝantaro de 1880, estis nur 1.140.195 lernantoj. En 30 jaroj la nombro de la lernantoj do sesobliĝis. — *S. Bogaturov*, el *„Baku"*.

.·. **La kosto de soldato.** — En Usono ĉiu soldato kostas al la regno 7510 frankojn ĉiujare, en Anglujo fr. 7510, en Aŭstrio 1125, en Francujo kaj Germanujo 1075, en Italujo 950, en Ruslando 925. Plej ŝpariga en tiu ĉi rilato estas Turkujo. Dum pactempo la provizo de soldato estas fr. 400 jare, kaj dum milittempo eĉ pli malmulte. — *D. Vigodskij.*

# LITERATURO

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

*H. A. Luyken.* — **Mirinda Amo.** — British Esperanto-Asocio. Prezo (broŝ.) Sm. 1. 25.

Kun sincera ĝojo mi eksciis, ke la unua originala romano de S-ro H. A. Luyken „Paŭlo Debenham" tre favoran akcepton ricevis de la Esperantistoj, kaj ke el diversaj landoj oni petis la permeson traduki la libron en fremdajn naciajn lingvojn. Kuraĝigite de tiu sukceso, S-ro L. verkis kaj ĵus eldonis duan romanon „Mirinda Amo", kiun atendas (pri tio mi ne dubas) egala, eĉ eble pli granda sukceso. Ĝi tion meritas, precipe pro sia stilo, pli flua, pli korekta, pli klasika, pli vere internacia ol tiu de Paŭlo Debenham. Mi atente tralegis, kun severa recenzista krajono en la mano, la tutan 295-paĝan romanon, ne substrekinte eĉ unu notindan makuleton. Gratulinda estas tia skrupulema zorgemeco, kaj mi ĝojas konstati, je tiu ĉi okazo, ke niaj aŭtoroj pli kaj pli bone komprenas, ke la valoro de iliaj verkoj pleje dependas de profunda respektsento por nia lingvo kaj por la legantaro, kiun tro ofte fortedas la lingvaj fantaziaĵoj, la stilaj kapricoj kaj la fuŝitaj eldonaĵoj. Anstataŭ fanfaroni pri la nombro de niaj libroj kaj revuoj, ni provu imponi pli kaj pli per ilia idea kaj stila valoro.

Tiujn prizorgojn mi feliĉe renkontis en la ĵusa verko de S-ro L. Lia imagpovo estas riĉega. Senembarase, senerare li kondukas nin, kvazaŭ per amika mano, tra la plej malsimilaj ĉarmaj aŭ tragediaj aventuroj kaj scenoj, neniam forgesante la noblan objekton de sia verko, kiu celas ne nur la distradon, sed ankaŭ la spiritan kaj moralan plibonigon de la legantoj. Per „Paŭlo Debenham" oni jam sufiĉe konas la religiemecon de S-ro L. Tiu religia emo estas eble ankoraŭ pli forte akcentita en lia nova verko. Sed lia psikologio fariĝis pli diversaspekta, pli larĝanima kaj malekskluziva. La romanpersonoj ne plu dispartiĝas, kiel mi tion estis rimarkinta ĉe P. D., en du kruĝe distranĉitaj grupoj: la skeptikuloj-malbonuloj kaj la piuloj-perfektuloj. Eĉ la nekredema sarkasmema onklo Silas estas bonkora simpatia viro; kaj la astrologiema hinda princido Sri Kunwar Kriŝna estas nobla majesta figuro. Kiom multnuancita galerio da tipoj kaj karakteroj! la perfida Leo Broadbent, la abnegacia elturniĝema Doroteo, la bonfarema simplanima pastro Filipo, la bonkora, tamen energia kaj volema D-ro Graham, la milda kaj fidela Flora, la altsenta veronserĉanta Vilfrido kaj la anĝelsimila „fraŭlino" Lambert! Tiajn konatojn, leginte la romanon, oni malfacile forgesas kaj kun bedaŭro forlasas.

Mi supre diris, kiom riĉega estas la imagemo de S-ro L. Mi volonte dirus, ke ĝi estas tro riĉa aŭ ke li trouzas tiun riĉegecon. La romano estas (eĉ pli ol Paŭlo Debenham) tro ŝarĝita de materialo kaj povus liveri temojn por dek samdikaj romanoj. Pro tio kelkfoje ĝi distiras la cerbon de la leganto kaj ŝajnas esti (mi uzas esprimojn de S-ro L. mem) iom nur rakonta (p. 290) kaj kalejdoskopa (p. 284). S-ro L. estas kapabla kaj inda verki por la esperantistaro romanon pli agadsimplan, riĉan ne da aventuroj kaj feinaĵoj, sed da pensoj, valorantan ne per multegaj surprizaj okazoj, sed per ĉarmaj detaloj, belaj priskriboj, delikataj aŭ profundaj sentanalizoj. Kelkaj ĉapitroj de „Mirinda Amo" antaŭskizas la esperitan ĉefverkon.

* * *

*Z. Adam (Adam Zakrzewski).* — **Historio de Esperanto** (1887—1912). — Varsovio, librejo Gebethner K. Wolff, str. Nowo-Sienna, 9. Prezo: Sm. 0. 80.

Laŭ S-ro A. Z. la historio de Esperanto dividiĝas en kvar epokoj: 1e Naskiĝa periodo (1887—1888). — 2e Unuaj grupoj kaj organizacioj aŭ Nurnberga periodo (1889—1895). — 3e Franca epoko (1893—1904). — 4e Kongresara epoko. Esperanto lingvo vivanta (1905—1912).

Dudek portretoj kaj ilustraĵoj ornamas la 144-paĝan verkon. Prave la klera verkinto priskribis detale la unuan epokon kaj, tiel precize kiel elokvente, rakontis tiujn vere tragediajn jarojn, dum kiuj Esperanto tiome penadis por pasi de infaneco al maturaĝo, kaj tra multaj malsukcesoj kaj ŝajndronoj, tamen laŭ mirinda kontinueco iom post iom elsaviĝis al fortikeco kaj vivanteco. Tiu parto estas kvazaŭ plej interesa romano kaj la legantoj plezure trovos en ĝi multajn maloftajn, ĉiutage pli malfacile akireblajn dokumentojn. En malnovaj libroj de la presejo de F-ino Kelter, filino de mortinta Ĥristian Kelter, S-ro Z. trovis la daton de la oficiala cenzurbileto permesinta la aperon de l'unua Esperanta libro. Tiu memorinda dato estas la 14-an (t. e.) 26-an de julio 1887.

La dua parto (tion konfesas la aŭtoro mem) estas malpli interesa. „Ĝi estas preskaŭ nur seka kroniko de plej gravaj faktoj, nur skizo por estonta laboro."

S-ro Z. citis multegajn nomojn de meritplenaj Esperantistoj kaj tamen sentis la bezonon peti senkulpigon „se iaj nomoj estas nevole forgesitaj". Ne vin senkulpigu, S-ro Z.! Kontraŭe, mi plivole dirus, ke vi citis tromulte da nomoj. Ne gravaj estas la personoj (krom kelkaj!) en niaj afero kaj movado. La personoj pasas, Esperanto restas. Preskaŭ nur ĝin oni devas priatenti; ĝian historion, disvastiĝon, evoluon, historiisto devas dealte konsideri, ne sin perdante en detalojn, sed penante por sintezesprimi la ĉefajn aspektojn aŭ fluadojn de la *komuna* Esperanta agado.

La stilo de S-ro Z. estas ĝenerale fundamenta. Tamen mi notis tie kaj tie kelkajn makulojn: ekz. progresis ĉiam obstine? (p. 7), cirkunstanco (26), salo = ĉambrego! (pp. 75, 76, 86, 91, 92, 95), departamento (departemento, 98). S-ro Z. strange kripligas kelkajn landnomojn (Tonkinio = Tonkino, Transvaalio = Transvaalo, Venezuelio = Venezuelo, Kimrio = Kimrujo, Egiptio = Egiptujo, Alĝerujo (p. 65) = Alĝerio (p. 144), Madagaskario (p. 144) = Madagaskaro. La formoj unue cititaj estas veraj barbarismoj, ĉu je Esperanta, ĉu je internacia vidpunkto.

Sur la paĝo 60 mi notis iom gravan fakteraron. „En 1900 S-ro de Beaufront faras raporton al „Association française pour l'avancement des sciences" titolitan: Essence et avenir de la langue internationale." Estas konite, ke S-ro de B. nur parte legis (ne faris!) tiun raporton, kies anonima aŭtoro (Unuel) estas D-ro Zamenhof mem. Vidu pri tio Lingvaj Respondoj'n (1910) p. 7 resp. 5.

Tiuj malkorektaĵoj aŭ eraroj estas facile korekteblaj en dua eldono. Cetere jam nun la „Historio de Esperanto" estas unu el la plej bonaj verkoj en nia priesperanta literatuso.

### Aliaj ricevitaj verkoj:

**Pri estetiko en medicino** (T. E. K. A. Bibliot. n-ro 1) de D-ro *Heliodor Świecicki.* Varsovio 1913. Prezo: Sm. 0. 30.

*Ŝaharov.* — **Esperanta gramatiketo** (por Rusoj). Librejo „Esperanto", 3 Lubjanskij proezd, Moskvo (Rusujo). Prezo: Sm. 0.05.

**Albumo de la Jubilea Kongreso Esperantista. Krakow 1912.** 554 fotografaĵoj de la kongresanoj kaj multnombraj ilustraĵoj pri la ĉefaj okazintaĵoj de la Jubilea Kongreso. Belega rememoraĵo. Prezo: Sm. 4 + Sm. 0. 50 por afranko (Sm. 0. 25 Aŭstrio-Hungarujo kaj Germanujo). Aĉetebla ĉe S-ro S. Rudnicki, Koperniko, Krakov.

*Camescasse.* — **Perobjekta edukado.** Artikolo aperinta en la Scienca Revuo pri la Inicilo Matematika, librejo Hachette, Paris.

**Kritika ekzameno de la proceso de Jesu Kristo.** Orig. verkita de *Lorenzo Barrio y Moraita,* advokato, tradukita de Jozefo Garzon y Ruiz; eldonanto: Leo Heidendal, redaktoro de Belga Katoliko, Arendonk (Belgujo).

**Gvidlibro tra Graz** (ilustrita), eldonita de la Stiria Esperantista Societo en Graz, sub aŭspicioj de la Provinca Ligo por fremdulaj aferoj en Stirio. Ricevebla kontraŭ 2 respondkuponoj de la Stiria Esp. Societo en Graz (Aŭstrio), Wielandgasse 48.

**1a serio de poŝtkartoj Praha,** 30 ilustritaj kartoj kun esperantaj tekstoj kaj klarigoj. Prezo: 0.720 (Esperanto Oficejo en Praha, 11 Vodiĉkova ul. 38).

*Verto.*

# Bileto de blankbarbulo

## La Junulo inter la du Belulinoj

*(Mezepoka fabelo)*

*Belaj estis la du virinoj.*

*Plensimetriaj estis la trajtoj de unu: ĉarma la ovalo de ŝia vizaĝo; rekta, ne tro longa ŝia nazo; sub la veluro de l'brovoj brilis du bluaj okuloj; sur ŝiaj vangoj: rozoj kaj lilioj; buŝon ŝi havis de Rafaela Madono kaj gracia estis la pura desegno de ŝia korpo.*

*Statubela, en sia mirinda reguleco, estis vere la unua belulino.*

*Sed, por ne difektigi tiun ĉi regulecon de sia beleco, ŝi neniam ridis, ŝi neniam ploris; ŝi ankaŭ ne kuraĝis kanti, kaj nur saĝajn, longe pripensitajn vortojn ŝi senpasie elparolis.*

*Ĉu malpli bela la dua? malfacile estus diri.*

*Sed, eble, ne tiel perfekte regula estis ŝia speciala beleco: tro movaj la nigraj okuloj; la purecon de la linioj de l'nazo aŭ de l'buŝeto detruis kelkafoje tro rapida spirado, kiu ankaŭ sublevis la bruston; ŝi ofte ruĝiĝis, ofte ŝi paliĝis; suferante, ŝi ploris, kaj larmaj perloj fluis sur ŝiaj vangoj; gaja, ŝi ne detenis sin severe de rido kaj ne timis kanti sian ĝojon.*

*Kaj, kia rava la rigardo, kia rava la irado!*

*La junulo, inter la du belulinoj, ne atendis tro longe, admirante unu kaj la alian. Por la elekto sufiĉis kelkaj tagoj.*

*Ne aŭskultinte kritikeman filozofon, kiu per plej „logistika“ argumentado penis pruvi la superecon de la unua belulino, li senŝanceliĝe kuris al la dua:*

*„Jen — li kriis — estas la amo, jen la vivo! . . . Adoru, tro saĝega konsilanto, vian perfektan, sed sensentan, senkoran, senpoezian pupon . . . Tiun ĉi mi elektas, kiu ploras, kiu kantas, kiu sentas, kiu . . . homa estas, plene homa!“*

* * *

*Esperantistoj, fratoj miaj, mi ne scias, ĉu aliaj artaj lingvoj estas pli logikaj aŭ pli belaj ol nia Esperanto, sed tion mi scias, ke sen ia ajn ŝanceliĝo ol ilin ĉiujn mi preferas la lingvon, en kiu povis plori, ridi kaj kanti* Ofelio, *en kiu amas* Ginevra, *kiun donis al ni D-ro Zamenhof en* La Vojo.

*Ne per la cerbo sole ni vivas, ne per ĝi ni vivigas, sed per la sento kaj la koro.*

*Jen, amikoj la* vera *supereco, la vera homa forto!*

*Senpoezia lingvo valoras por nenio, ĉar ĝi ne estas, ne povas esti* vivanta *lingvo.*

Th. Cart.

## KRONIKO

**Novaj kursoj.** — *Barcelona* (Hispan.). — La societo „Paco kaj Amo“ la 15 septembro malfermas novan kurson gvidatan de S-ro Flaquer; ĉeestas konstante 95 lernantoj. — B. B. — La 3 oktobro okazis la inaŭguro de l'oficiala kurso, gvidata de S-ro D-ro J. Coll, en la universitato kun ĉirkaŭ 30 anoj. — A. P.

*Bolton* (Angl.). — La loka grupo nun kondukas 4 kursojn, 2 unugradajn, unu mezgradan kaj unu altgradan. Instruas S-roj Miller, Hall, Calvert kaj Birtwistle. — J. B.

*Eger* (Bohem.). — La ĉi-tiea unuiĝo de germanaj Esperantistoj malfermis la vintran laboron. Ĝi aranĝis unu kurson por komencantoj kaj alian por progresintoj, ambaŭ gvidatajn de la prez. de la unuiĝo, S-ro Hell. La unuan kurson vizitas 33 personoj, la duan 20 personoj; la unuiĝo nun havas 85 membrojn. Tre ĝojiga estas la fakto, ke 8 instruistoj troviĝas en la kurso por komencantoj kaj religia profesoro, S-ro Patro Schopf, kiu forte subtenas nian aferon. — H.

*Gefle* (Sved.). — S-ro Helsing, Del., nun instruas 22 lernantojn en la popola lernejo. Tio estas la unua fojo, kiam Esp. estas instruata en lernejo en Svedujo. — J. H.

*Innsbruck.* (Aŭstrio). — La loka klubo aranĝas novan esp. kurson.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *Barcelona* (Hispan.). — La 28 septembro la grupo „Ĉiam antaŭen“ organizis literaturan kaj muzikan feston por solenigi la datrevenon de sia translokiĝo. La festo bone sukcesis. — A. P. — La 14 septembro okazis lunĉo dediĉita al nia fervora propagandisto S-ro Delfi Dalmau, kiel adiaŭo pro lia foriro al Suda Ameriko. — B. B.

*Elberfeld* (German.). — La du ĉi-tieaj unuiĝoj sin kunigis sub la nomo „Esperantista grupo Verda Stelo“. Tiu unuiĝo nun havas 38 membrojn; prez. estas S-ro Thiele, la klubejo „Vier Jahreszeiten“. — T.

*Neunkirchen* (German.). — La 28 septembro kunvenis ĉi tie 14 samideanoj el St. Ingbert, Landsweiler, Saarbrücken, Friedrichsthal, St. Wendel, Jägerburg kaj Völklingen, inter kiuj 3 Delegitoj de UEA. Oni fondis ligon por la Saarregiono kaj Westfalz; la afergvidanto estas S-ro A. Omlor, Del. en St. Ingbert. La ligo celas energie propagandi en la tuta regiono. La ĉeestantaj Del. pritraktis samtempe la aferojn de UEA. — A. O.

*Odense* (Dan.). — La esp. klubo Unueco aranĝis ekspozicion de la 19—21 septembro; ĝi estis vizitata de preskaŭ 400 personoj, el kiuj 15 enskribiĝis por kurso. La gazetaro favore raportis pri la ekspozicio. — A. C.

*Ulm* (German.) — La 12 oktobro okazis ĉi tie la IIa Virtemberga Esperantotago. La programo estas jena: Saluto de S-ro ĉefurbestro von Wagner; festa parolado de S-ro D-ro Orthal, Nürnberg, pri helplingvo, ĝia signifo kaj efektivigo; ligaj aferoj.

**Paroladoj.** — *Antwerpen* (Belg.). — Dum kunveno de la grupo „Suda lumo“, la 25 septembro, S-ro L. Agurtin el Belostok, faris esp. paroladon pri la esp. movado en Rusujo. La paroladon aŭskultis ankaŭ unu samideano el Brisbane. — La 5 oktobro okazis en „Taverne royale“ parolado de S-ro J. Camescasse, Del. en Parizo, pri Esp. kaj UEA, aranĝita de la Antwerpena grupo.

*Barcelona* (Hispan.). — La 3 oktobro S-ro R. S. Rocamora faris propagandan paroladon ĉe la grupo „Esperanto kaj Patrujo“. Baldaŭ komenciĝos kurso. — A. P.

*Bradford* (Angl.). — S-ro J. Holmes faris la 30 septembro lumbildan paroladon ĉe Liversedge antaŭ la „Spen Valley Scientific and Literary Society“ kiun aŭskultis 60 personoj, el kiuj 27 aniĝis al kurso de S-ro Wright. — J. H.

*Bolton* (Angl.). — La loka societo nun komencis la vintran laboron. La 18 septembro S-ro W. H. Lewis, prez. de la esp. societo en Manchester, faris publikan paroladon, kiu havis ĝojigan rezultaton. — J. B.

*Essen* (German.). — La loka grupo de la Instituto por internacia interŝanĝo de progresigaj eksperimentoj organizis la 30 septembro kunvenon, en kiu S-ro F. Pillath, Del., faris paroladon pri la signifo de Esperanto. Oni intencas organizi kurson. — F. P.

*Peterburg* (Rus.). — Ĉe la „Politeknikaj kursoj de „societo profesora“ S-ro E. Drezin, Del. en Kronŝtadt, parolis la 4 oktobro pri: Esp. kaj tekniko. Al la politeknikaj kursoj aliĝis 34 personoj. — E. D.

*St. Ingbert* (German.). — La 3 septembro S-ro Omlor, Del., parolis en la stenografia unuiĝo Gabelsberger pri la stenografio kaj helplingvo; ĉeestis 53 personoj. — A. O.

## NAŬA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

### Lasta Cirkulero

La Organiza Komitato dankas al ĉiuj samideanoj, kiuj bonvole helpis al la organizado kaj al la efektivigado de la granda internacia kunveno. Hodiaŭ, sep semajnojn post la festo, ni trankvile kaj senpartie povas prikonsideradi la rezulton. Laŭ nia kontrolo ĉeestis la kongreson 1203 personoj. La fina bilanco montras malgrandan profiton, kiun ni dankas al la serioza kaj sindona laboro de nia financestro S-ro Fritz Merz.

En kelkaj gazetoj aperis plendoj kontraŭ nia loĝada komitato, sed ili tute ne estas konsiderindaj. Tiu komitato agis laŭplane kaj laŭ la kutimo de nia urbo, kie oftege okazas similaj kunvenoj. Ĝia tasko estis, kiel tiu de ĉiu loĝada komitato, tre malfacila kaj sendanka.

Kun kontentiĝo kaj ĝojo ni konstatas, ke la interkonsento de la Organiza Komitato kun Universala Esperanto-Asocio alportis bonajn fruktojn, kaj tiu unua provo montras, ke niaj kongresoj plej bone sukcesas per komuna laboro de ĉiuj fortoj.

La kongresa dokumentaro de personoj, kiuj pagis la kotizon sed ne povis ĉeesti la kongreson, estas nun dissendata de nia sekretariejo.

El la kongresaj dokumentoj restas ankoraŭ limigita kvanto. Ni preparis kovertojn, kiuj enhavas *kongreslibron*, oficialan insignon, gvidlibron de Bern, kaj multe da aliaj presaĵoj. Ilin ni vendas po 1 Sm. afrankite. La kongreslibro sola estas havebla por ½ Sm. afrankite. Kiu deziras tiun multvaloran dokumenton kun la listo de la kongresanoj, kiuj aliĝis ĝis la 10 aŭgusto, la oficiala programo kaj tre fidinda ilustrita gvidlibro tra la tuta Svislando, ne prokrastu la mendon.

La belega arĝenta medalo de 1 Spesmilo estas aĉetebla por Fr. 2. 90 afrankite. Ĉar la mendoj estas multnombraj, la duspesmila medalo jam estas elĉerpita, sed verŝajne post kelka tempo restampota.

Ĉiuj nomitaj objektoj estas aĉeteblaj ĉe la Organiza Komitato.

Kaj nun adiaŭ, karaj gekongresanoj, kaj ĝis revido en Parizo! La Naŭa pasis, vivu la Deka!

*La Organiza Komitato.*

## DIVERSAĴOJ

.·. *Policestro kontraŭ Esperanto.* — Unu el niaj hungaraj abonantoj komunikas al ni la jenan strangan fakton, kiun ni ankaŭ legis en aliaj gazetoj: En la hungara ĵurnalo „La Vespero“ (Az Est) oni legas, ke en la pasintaj tagoj la estraro de l'socialdemokrata partio volis fari propagandon por Esperanto inter la laboristaro de Székesfejérvár (Hungarujo). La loka komitato volis havi popol-kunvenon por diskonatigi la celon kaj facilecon de nia lingvo, sed la policestro — S-ro Ludoviko Sàghy, malpermesis havi kunvenon. En la motivigo li diras, ke Esperanto estas lingvo ŝtelista. — „Oni ne trompos min, — li diraĉis al la deputatoj de la laboristaro — mi scias, ke Esperanto estas nur ŝtelista lingvo, kiu eltrovita estis nur, por ke la fihomoj komprenu unu la alian. Kaj mi ne povas permesi la propagandon de tiel danĝera lingvo.“ — Gesamideanoj! Esperanto ankoraŭ ne suferis tiel gravan insulton. Skribu al li leterojn, precipe skribu la altranguloj kaj scienculoj, kaj klarigu al tiu sensaĝulo, ke nia lingvo estas lingvo de honoro, kiun lerni konvenas al ĉiu ajn, krom la ĉefpolicestro de Székesfejérvár, S-ro Sàghy. — X.

.·. *Esperanto kaj kongresoj.* — La aranĝintoj de la Esperanto-fako en Nederlanda ekspozicio pri Sporto kaj Turismo havis la kontentiĝon, ke la komitato premiis ilian elmontraĵon per arĝentorita medalo. Sendube per ĉi tiu ekspozicio la interesiĝo pri nia lingvo estas vekita en vasta rondo. — Efikan propagandon oni faris dum la internacia kongreso vegetarista. Krom S-ino van der Fet-Dirksen el Hago ankaŭ parolis en Esperanto angla samideano, S-ro Gill. Multaj kongresanoj esprimis sian miron pri la flueco kaj belsoneco de nia lingvo. En diversaj aliaj kongresoj, okazintaj en Hago, la tieaj Esperantistoj faris ĉion eblan por atentigi pri la taŭgeco de nia lingvo internacia kiel kongreslingvo; oni sendis salutojn al kongresoj samcelaj (packongreso i. a.), disdonis folietojn, k. t. p. Ofte ankaŭ estis samideanoj inter la partoprenantoj, kiuj kompreneble profitis la okazon por informi siajn kolegojn pri Esperanto. — B. E.

.·. *Esperanto kaj turismo.* — Aperis lastatempe kun Esperanta teksto belega albumo de la reĝa minurbo *Kustnâ Hora* (Bohemujo) kaj ilustrita gvidlibro pri *Rodlvojo sur la Ješken apud Reichenberg* (German-Bohemujo), eldonita de la Esp. Societo Franzendorf apud Reichenberg.

Aliparte, sub la aŭspicioj de UEA, aperis gvidfolioj tra *Jndrichuv Hradec* kaj tra *Kladno* (Bohemujo).

.·. *Esperanto kaj kuracistoj.* — Dum la Berna Kongreso okazis kelkaj kunvenoj de T. E. K. A. Oni konstatis, ke la societo malrapide, sed certe reviviĝas, precipe dank'al la konstanta apero de *Kuracisto.* Dum la kunvenoj estis kelkaj sciencaj komunikoj, ekz. pri terminologio, pri alkaleco de sango de eksudatoj kaj transsudatoj, pri nesukcesantaj infanoj en Moskvaj lernejoj, pri sondado de duodeno, pri novaj ideoj pri dieto, k. t. p. kaj kolektiva vizito de la medicinaj institutoj en Berno.



**Esperantianoj,**

**Repagu vian kotizaĵon por 1914!**

**Varbu novajn Esperantianojn kaj Esperantiajn Entreprenojn!**

**Kolektu anoncojn por nia Jarlibro!**



## TRA LA GAZETARO

.·. *Le Monde Espérantiste* (septembro). *Esperantismo* (Raymond Evrot):

„... Nia movado, vera mikrokosmo, montras la samajn fortojn, kiuj ekster ĝi, ĉirkaŭ ni, en la socio interbataladas. Idismo kaj Esperantismo estas du malsamaj spiritoturnoj, kiuj jam ekzistis antaŭ Ido kaj Esperanto. En vero, batalo inter la du lingvoj estas batalo inter determinismo kaj libero, inter logiko kaj komuna saĝo, inter pura racio kaj senta racio, pli ĝenerale inter geometrieca kaj intuicieca spiritoj. Sed la valoro superega kaj venka de niaj principoj kuŝas en tio, ke nia movado ne bezonas ilin malobei por enrealiĝi, ekzemple (kiel tion faras konstante la Idistoj) respondi per teorio kiam oni argumentas per praktiko, kaj tamen esti devigata respondi per praktiko al teoriaj argumentoj. Niaj principoj, kiuj kvazaŭ nekonscie, tamen firme nin gvidas, estas efektive pli proksimaj al la realaĵo, kiu estas tiom diversaspekta. Idismo, esence, fermas la okulojn al unu aspekto de l'Naturo: ĝi volas vidi nur racion en la homo, sed tute ne lian emocian flankon; ĉion ĝi pretentas organizi en regulojn kaj leĝojn; ĝi malesperas ĉe la kontraŭdiroj en la naturo; ĝi celas serĉi tranĉitajn aĵojn ĉie, sed ne eĉ ekrigardas la grandegan, diversan fluon de la vivo; el ekstere ĝi prijuĝas, ĝi ne volas sin allasi al la interna kaŝita vivo; tial ĝi, pro ĝia objektiveco, ne povas enkompreni la vivon. Idismo deziras nenion fordoni al pura hazardo; nur la logikon de l'racio ĝi volas konsideri, ne tiun de la sento; ĝia idealo estas en senmoveco; per diskutado ĝi prilaboras ĝin; ĉiam Idismo nuras.

Sed dume fluetadas la vivo, kiu senbrue kontraŭdiras ĉion tion. Materio ekzistas sendube, ĝi obeas proksimume-precizajn leĝojn; sed la vivo estas, kies diverseco kaj nescienca ekstera unueco estas ne enkapteblaj en rigidajn kadrojn; la vivo kompreniĝas nur per senpera simpatio; ĝi pli agas ol konsideras, pli instinktas ol racias, pli intuicias ol rezonas. Esperantismo fermas la okulojn ĉe neniu el tiuj realaĵoj; ĝi rekten alrigardas ĉiujn, kaj metante la akcenton sur senton, vivon, intuicion, ĝi tamen ne formetas aliajn karakterojn de l'efektivo; ĝi utiligas la materion por la vivo, sed ne lasas sin regi per ĝi; ĝi harmoniigas, kunfandas la malojn; ĝi ĉiam simfonias, sed neniam ekskluzivas. . . ."

.·. *Amerika Esperantisto* (septembro). *Interne kaj ekstere* (Edmond Privat):

„... Bone informiĝante mem, ni devas saĝe kaj efike informadi la neesperantistojn, kaj uzi taŭgajn okazojn por instrui la publikon pri tiuj novaĵoj, kiuj povas plej multe aperigi Esperanton, kiel jam seriozan kaj starigitan aferon.

Estas nedubeble, ke la publiko ĝenerale tute nescias pri la vera vivo de Esperanto kaj ricevas grandan surprizon aŭdante pri la nombro de niaj gazetoj, pri la statistiko de niaj novaj libroj, pri la servoj de UEA, k. t. p. Ankoraŭ pli miras la homoj, kiam oni klarigas al ili kiamaniere Esperanto fariĝis vivanta lingvo, kiel ĝi havas specialan spiriton, kiel tiu spirito ebligis kreiĝon de originala literaturo k. t. p. Grandan surprizon, grandan miron, iom post iom sekvas intereso kaj admiro, dum forflugis unu post la aliaj, la klasikaj antaŭjuĝoj kontraŭ Esperanto.

Tute nesufiĉa estas tiu informado de la publiko, ĉar ankoraŭ ofte tro nesufiĉa estas la informiĝado de la esperantistoj mem. Kiom da ili abonas kaj legas fremdajn esperantajn gazetojn? Kiom da ili uzas mem Esperanton por krei al si rilatojn eksterlande? Kiom da ili aliĝas UEA, studas ĝian instruoplenan jarlibron? Kiom da ili interesiĝas aŭ eĉ helpas je la laboro de la loka UEA delegito? Kiom da ili studas la historion de Esperanto kaj legas la novajn kaj malnovajn gravajn esperantajn verkojn? Pli vigla devus esti tiu interna vivado por prepari vere efikan eksteran laboron. Propagando devas ankaŭ esti interna kaj ne nur por ni mem ni devas kontentiĝi, sed por samlokaj esperantistoj. Ilin ni devus pli kuraĝigi, interesi, instrui, helpi por sama informiĝado kaj instigi al plia legado. Je kio do utilas grupaj kunvenoj, se ne al tio ĉi? . . ."

.·. *La Voĉo de l'Popolo*, ĉiusemajna Ĥina kaj Esperanta gazeto pri ĉio, kio kondukas socian revolucion kaj progresigas universalan unuiĝon. (Redakcio: Sifo, 8, Chun-Sin Tung Str., Sai-Kwan, Canton-Ĥinujo.)

.·. *La Kulturo* (septembro) publikigas interesan leteron, legitan ĉe la Berna Kongreso, de S-ro F. Wenk, eksprezidanto de la svisa Ido-Societo, kiu forlasis Idon kaj revenis al Esperanto.

.·. Favoraj artikoloj aperis en: *Schweizer Hotel-Revue*, Basel (20 sept.); *Obersteirische Volkszeitung*, Leoben; *Gummersbacher Zeitung* (23 aŭgusto); *Journal de Rouen* (26, 27, 28, 29, 31 aŭgusto, 1, 2, 4 septembro); *The Southport Guardian* (4 oktobro); *The Maoriland* (22 aŭg.); *Nantisk Tidskrift*, Göteborg (sept.); *Az Ujság*, Vasárnap (28 sept.); *Sibirskaja Jiznj*, Tomsk (n-ro 198); *Narotni politika; Prosoky ilustrovany Kuryr;* Regulaj esp. rubrikoj aperas en *Národni Obzor*, Praha; *České Slovo*, Praha; *Osvéta Lidu*, Pardubice.

Oficialan delegiton al la Berna Kongreso sendis ankaŭ la gazeto *Lyon Républicain* (vidu lastan n-ron, sama rubriko).

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Kotizaĵo 1914.** — *Ĉiuj novaj aliĝoj al UEA estos de nun kalkulataj por la jaro 1914.*

*Ĝisnunaj Esperantianoj kaj Entreprenoj povas de nun repagi la kotizaĵon por 1914.*

*La kotizaĵoj por 1914 estas la samaj kiel ĝis nun, nome:*

*Ordinara membro:* Fr. 2. 50 (Sm. 1).
*Subtenanta membro:* Fr. 5 (Sm. 2).
*Interŝanĝa aŭ Studenta Fako:* Fr. 1. 25 (Sm. 0. 50).
*Esperantia Entrepreno:* Fr. 12. 50 (Sm. 5).
*Id.* (Esperantista organizaĵo): Fr. 7. 50 (Sm. 3).

*La kotizaĵoj estu pagataj al la Delegito, aŭ se ne estas, al la C. O. de UEA.*

*Ĉiu membro paginta la kotizaĵon por 1914 ricevos de la C. O. de UEA provizoran membrokarton en formo de kvitancilo, kaj en januaro la definitivan membrokarton kaj la Jarlibron.*

**Esperantiaj Entreprenoj.** — Ni rememorigas, ke ĉiu Entrepreno, kiu antaŭ la 1 novembro, ne komunikis al ni sian eksiĝon, estas konsiderata kiel re-aliĝanta por 1914 kaj ŝuldanta sian kotizaĵon. Tiu regulo aplikiĝas al ĉiuspecaj Entreprenoj (esperantistaj kaj neesperantistaj). Ĉiuj ŝanĝoj en la reklamteksto de la Jarlibro estu sendataj antaŭ la 1 novembro.

**Al la Delegitoj.** — Je la komenco de oktobro la Centra Oficejo de UEA dissendis al ĉiuj Delegitoj provizon de dokumentoj por ilia agado dum la administra jaro 1913/14 (Oficiala Bulteno No 17, aliĝilo-mendiloj, cirkulero por repagigo de la kotizaĵoj, varbilo de Esperantiaj Entreprenoj). La Delegitoj, kiuj ne estus ricevintaj tiujn dokumentojn aŭ kiuj bezonus pluajn provizojn, bonvolu nin informi.

**Urbaj adreslibroj.** — En multaj lokoj oni nun zorgas pri la represado de la urbaj adreslibroj. Estas tre dezirinde, ke tiuj libroj enhavu la adreson de la Delegito de UEA kaj, se estas, de la Esperanto-Oficejo. Ni do petas niajn Delegitojn, ke ili bonvolu klopodi ĉe la eldonistoj de tiuj adreslibroj por la enpresado de sia adreso.

**Balotado.** — Konforme al decido de la Komitato de UEA,[1] okazis en Lyon balotado de Delegito kaj Vicdelegito, sub la kontrolado de la Distrikta Delegito de Sud-Orienta Francujo. Ĝi liveris la jenajn rezultatojn:

Voĉdonrajtantoj: 53. Balotiloj ricevitaj: 37. Nuligitaj: 3.
D: S-ro Poncet 34. VD: S-ro Bégel 32, S-ro Drudin 2.

Konsekvence S-ro Poncet estas elektita Delegito kaj S-ro Bégel, Vicdelegito. La protokolon subskribis S-roj Gabert, DD, Peyraud, VD, kaj Guichard, el St-Etienne.

**Etato de la Esperantianoj.** — Je la 30 septembro 1913 estas enkasigitaj de la Centra Kaso de UEA 6045 kotizajoj (el kiuj 147 subtenantoj).

*Fakaj membroj.* — Interŝanĝa Fako: 421; Laborista Fako: 23; Virina Fako: 55; Studenta Fako: 41.

**Statistiko.** — Jen la movado de la korespondajoj en la C. O. de UEA dum septembro 1913:

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 998 | 1264 | 128 |

Tuta sumo: 2390. Antaŭa monato: 1821. Antaŭa jaro (sama monato): 3268.

**Financoj.**

*Konteltiro de UEA por la monato sepetmbro 1913:*

| Enspezoj | Fr. | Elspezoj | Fr. |
|---|---|---|---|
| Membroj | 194. 80 | Oficejo | 58. 50 |
| Subtenantoj | 10. — | Salajroj | 410. — |
| Entreprenoj | 26. — | Korespondado | 185. — |
| Jarlibro | 17. 60 | Jarlibro | 25. — |
| Adm. Enspezoj | 8. — | Presajoj | 292. 60 |
| | | Materialo | 7. 60 |
| | | Adm. Elspezoj | 110. 25 |
| | Fr. 256. 40 | | Fr. 1088. 95 |
| Saldo | „ 832. 55 | | |
| | Fr. 1088. 95 | | Fr. 1088. 95 |

**Novaj Delegitoj.**

*Gillingham* (Anglujo, Kent). — D.: Ch. P. Isaac, 162, Rock Ave.

*Leek* (Anglujo, Staffordshire). — SD.: John Wilson, Hillesden.

*St-Amand-les-Eaux* (Francujo, Nord). — D.: Louis Lacquement, Rosult rue de la Caterie.

*Voznesensk* (Rusujo, Ĥersonska gub.). — D.: Eugen Miĥalskij, Vira gimnazio.

*Wolverhampton* (Anglujo, Staffordsh.). — D.: George Haines, 26, Broadstr.

*Zolotonoŝa* (Rusujo, Poltawa). — D.: Abram Klimovskij, Ĉerkaskaja ul. 20.

**Ŝanĝo.**

*Kanton* (Ĥinujo). — VD.: Sifo, 8, Chun Sin Tung str. Sai Kwan.

**Eksiĝoj.**

*Cannstatt* (D.: Mozer); *Dijon* (SD.: Bourgeois); *Hyeres* (D.: Nallet); *Joinville* (D.: Muller); *Murrhardt* (D.: Merkle); *Patras* (DD.: Bünemann); *Quiberon* (D.: Jaffrè); *Sanpierd'arena* (D.: Rondini).

# PRAKTIKAJ DEMANDOJ

## VI

7. *Varbu novajn membrojn!* — En tiu momento ĉie rekomenciĝas la Esperanta agado. La Delegitoj de UEA ankaŭ havas antaŭ si gravan laboron, de kies akurata plenumado dependas la prospereco de nia Asocio dum la jaro. Ĉe la kvara Kongreso de UEA ni diversfoje substrekis la necesecon plimultigi nian membraron. Por ke UEA povu vivi en normalaj financaj kondiĉoj, estas necese, ke ĝi havu *minimume* 7000 membrojn. Tiun minimumon ni nepre devas atingi dum 1914, sed per energia kunlaborado de niaj Delegitoj kaj de niaj membroj, ni facile devus preterpasi tiun nombron. Se oni trarigardas la honoran tabelon de la Delegitoj, kiu aperis en unu el la lastaj n-oj de „*Esperanto*“[1] oni konstatos, ke 44 Delegitoj varbis ĉirkaŭ 2000 membrojn, dum la 4000 restantajn membrojn varbis pli ol 900 Delegitoj. Ni ja scias, ke en ĉiuj lokoj la cirkonstancoj ne estas egale favoraj por la varbado de membroj, sed ni ankaŭ scias, ke se ĉiu Delegito energie klopodus, li facile povus varbi en mezgranda urbo almenaŭ dekon de Esperantianoj. Dum la nuna jaro proksimume la duono de la Delegitoj ne varbis eĉ unu membron. Multaj el ili loĝas en sufiĉe gravaj urboj, kie la cirkonstancoj ne estas speciale malfavoraj. Ni atentigu, ke laŭ la deziresprimo de nia lasta kongreso, ankaŭ neesperantistoj povas fariĝi membroj de UEA. Tio multe plilarĝigas la agadkampon de la Delegitoj, kiuj ĝis nun ofte respondis al ni, ke ili ne povis varbi membrojn en sia loko, ĉar mankas Esperantistoj. Varbinte ĉiujn aktivajn Esperantistojn, la Delegito ne finis sian taskon. Li ankaŭ varbu inter tiuj personoj, kiuj eklernas nian lingvon, ekzemple ĉe la kursoj, aŭ kiuj simple estas favoraj al nia Asocio, ĉar ĝi plenumas utilan laboron en la agado por la plifaciligo de la internaciaj rilatoj. Multnombraj estas tiuj personoj. Oni ne ŝanceliĝu ilin envicigi en UEA. Eble ili ne ofte uzos la individuajn servojn de nia Asocio, sed al ĝi ili aliĝos malpli pro persona profito ol pro la deziro helpi siapove nian aferon[2].

Por atingi favorajn rezultatojn sur la kampo de la neesperantista publiko, estas necese, ke la Delegito, pli ol antaŭe, konigu la laboron de nia Asocio, speciale el loka vidpunkto, al la loĝantoj de sia urbo. En grandaj urboj la Delegitoj plenumas ĉiujare ŝatindan nombron de servoj, ĉu respondante al informpetoj, ĉu helpante al vojaĝantoj. Ili per la gazetaro konigu tiujn servojn, ekzemple okaze de la publikigo de nia ĝenerala statistiko, ili informu pri tio la membrojn de sia regiono per nacilingve redaktata cirkulero sendota je la momento kiam la kotizaĵoj estas repagotaj[3], ili sendu jaran raporteton al la societoj de sia urbo, kiujn la diritaj servoj povas interesi. Nur tiel la publiko iom post iom enkapigos, ke en la urbo ekzistas Delegito de Asocio, kiu plenumas utilan kaj subtenindan laboron. Sed oni citu simplajn precizajn faktojn, kaj ne uzu la okazon por paroli pri la problemo de lingvo internacia aŭ pri la ecoj de Esperanto kiel lingvo. Tiaj notoj kaj raportoj ne devas havi okulvideble propagandan karakteron. Ilia propaganda valoro elŝprucas el la faktoj; ĝi ne bezonas esti aparte substrekata kaj komentariata. Oni parolu pri UEA kiel pri serioza internacia organizaĵo, kiu uzante Esperanton kiel internan lingvon pro praktikaj kaŭzoj, faras servojn al siaj membroj kaj helpas al la plifaciligo de la internaciaj rilatoj[4].

[1] Vidu *Esperanto* de 20 aŭgusto, paĝ. 11.

[1] Vidu *Esperanto* de 20 septembro, paĝ. 276.

[2] Cetere eĉ al neesperantistoj nia Jarlibro povas esti utila, kaj ni plie klopodas nun, ke la membrokarto donu al ĝia posedanto kelkajn favorojn, kiuj ankaŭ povas esti utiligataj de neesperantisto. En kelkaj landoj, ekz. en Francujo, la membreco de UEA povas utili por atingi la rabatojn ĉe fervojoj okaze de komunaj vojaĝoj.

[3] Ni havas sub la okuloj bonan ekzemplon de tia cirkulero, sendita de la Del. en Lyon al la membroj (france).

[4] Por faciligi la propagandon ĉe la neesperantista publiko, UEA decidis senteble plimalaltigi la koston de la nacilingvaj propagandaj folioj pri nia Asocio. Vidu en nia proksima numero.

Parolante pri la varbado de novaj membroj, ni ofte aludis pri la rolo de la Delegito. Tio ne signifas, ke nur la Delegito rajtas varbi membrojn. Tute ne. Nur la Delegito estas administre responda pri la varbado de membroj kaj pagado de la kotizaĵoj, sed bonvolaj membroj (tiuj ĉi estos pli speciale Esperantistoj) devas lin helpi en lia agado por la varbado de novaj membroj. Ĝuste nun la momento estas oportuna. La Delegito kunigu la plej fervorajn el siaj membroj kaj komisiu ilin propagandi kaj varbi por UEA ĉe difinita rondo, societo aŭ medio. Per tiu kolektiva kunagado, ĉiam kontrolata de la Delegito, la nombro de la membroj certe pli rapide kreskos ol se nur la Delegito, ofte okupata de la administrado kaj informpetoj, sole varbas membrojn.

Pli kaj pli oni konscias, ke prospereco de Esperanto estas intime ligata kun la prospereco de UEA. Kiu laboras por UEA, tiu plej bone laboras samtempe por Esperanto, eĉ se li ne ĉiam havas en la buŝo la vorton Esperanto. Komence de nova agadjaro oni streĉu siajn fortojn por energia sistema kaj fervora agado, kies konkreta rezultato devas esti la plimultigo de nia membraro en ĉiuj lokoj. 1913 estis jaro de reordigo interna. 1914 devas esti jaro de progreso ekstera.

*(Daŭrigota.)* *H. H.*

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas!

.˙. S-ro *E. Wengler,* Esp-iano en Berlin, reveninta de longa bicikla vojaĝo de Bern trans la Alpoj, Novarra, Milano, Verona, Firenze, Padova, Venezia, Triest, Cilli, Laibach, Marburg, Graz, Bruck, Wien, kore dankas al la survoje vizititaj Del. kaj membroj de UEA, precipe S-roj Colonnese, Bünemann, Reni, Carazzolo, Partisotti, D-ro Haas, Geier, Bartl, Teltschite, Brenneis kaj D-ro Sos, kiuj afable montris al li bonan gastejon kaj klarigis la vidindaĵojn de siaj koncernaj urboj. „Mia vojaĝo estas senteble pliagrabligita per la ofta multhora ĝoja kunestado kun italaj kaj aŭstriaj samideanoj.

.˙. F-ino *Käthe Tiedeken,* Esp-ianino en Hannover (German.), kore dankas ĉiujn italajn gesamideanojn, kiuj helpis ŝin dum vojaĝo en Italujo kaj agrabligis ŝian tiean restadon. Specialan dankon al la Del. en Rimini, S-ro M. Carolfi, kaj al la Del. en Napoli, S-ro R. Bagnulo.

.˙. S-ro *M. Kohan,* Esp-iano en Lyon, esprimas sian koran dankon al S-ino Farges kaj al S-ro Poncet, Del. de Lyon, por ilia varma akcepto kaj kiuj tiel bone agrabligis la unuan tagon de lia alveno; precipe pro ilia tiel oferema kaj sindona zorgado, serĉante por li laboron kaj loĝejon.

.˙. S-ro *T. M. Potorochin,* Esp-iano translogiĝinte el Ĥarbin (Ĥinujo) al Sidney (Aŭstralio), koregе dankas la samideanojn de Sydney pro ilia helpo en serĉado de laboro.

.˙. S-ro *R. Kreutz,* Esp-iano en Frankfurt a. M. (German.), dankas pro plenumo de gravaj servoj al S-roj Schmid, Del. Bern; Payebin, Del. Lons le Saunier; Matsuda, Del. Shikigun; Prof. Christaller, Vicdel. Stuttgart, Centra Oficejo de UEA, Ĝenevo, pro afabla rekomendo de restoracio kaj pro bonaj informoj. Plue li dankas al ĉiuj Esp-ianoj, kiuj lin vizitis kaj sendis bondezirojn, kiam li estis en hospitalo en Frankfurt. Specialan dankon al S-ro Huttin, Del. Bourg kaj est. edzino pro la afabla gastamo, al S-roj Pochon kaj Croset pro afablaj invitoj, al S-ro Chevrot, al ges-roj Chaufour, al S-ro Giraud. Dankojn al ĉiuj francaj samideanoj, kiuj lin afable akceptis; al la posedantino de „Internacia Esperanto-Paradizo", S-ino Amrein, pro bona aranĝo dum lia restado en Meggen (Svisujo).

.˙. S-ro *A. Nedoŝivin,* Esp-iano en Kovno, esprimas sian plej koran dankon al la Del. de Danzig, S-ino A. Tuŝinski, pro la plenumo de multaj gravaj servoj en Danzig kaj precipe en Zopott.

.˙. S-ro *R. Maske,* Esp-iano en Dresden, sincere dankas al S-ro O'Connor, Esperanto-pensiono en London, en kies domo lia filo, studento, trovis vere amikan kaj familian akcepton dum sia tuta libertempo kaj multe profitis rilate al ekkono de Brita vivo kaj angla lingvo.

.˙. S-ro *J. Etard,* Del. de Rouen, dankas koregе al S-ro Epstein, kondukinto de la karavano de Gent al Bern tra Germanujo; al S-ro von Frenckell, kondukinto de la karavano al Jungfraujoch kaj al S-ro Poncet, kondukinto de la karavano tra Svisujo. „Mi kaj certe ankaŭ miaj kolegoj ĝuis grandegan plezuron kondukite de tiuj lertaj kondukintoj."

.˙. S-ro *S. Obruĉev,* Esp-iano en Moskvo, kore dankas la Del. en Bad Kissingen, Dresden, Berlin, Nürnberg kaj München, pro afabla helpo dum vojaĝo.

.˙. S-ro *I. Krestanof,* Esp-iano en Dijon, dankas tutkore al ges-roj Martin, Del. en Macon pro la unumonata familia vivado en lia bela „Villa Zamenhof", al ges-roj Hildebrandt, Del. en Thun, S-ino Henriet-Nolotte, konsulino Dijon, ges-roj Crébely, Del. en Dôle, S-ro Bretillot, Del. en Besançon, pro ilia frata akcepto kaj neforgesebla gastigado dum lia libertempo. „Mi ne scias, kiel laŭdi kaj rekomendi UEA, kiu ebligis tiun facilan interkonatiĝon, intiman proksimiĝon kaj familian kunvivadon."

.˙. S-ro *R. E. Blackstone,* Del. en Boise, esprimas sian dankon al ges-roj Cooper, Del. en McMinneville, pro afabla akcepto dum vojaĝo.

## Skribu legeble vian adreson!

Delegito kiu ricevas multe da leteroj kaj poŝtkartoj de Esperantianoj deziras esprimi sian opinion, ke estas tre necese, ke korespondantoj uzu pli da penoj skribante klare siajn nomojn kaj adresojn kaj lokigu ilin sur la parto de la poŝtkartoj kie ne troviĝas la makuloj de la poŝtstampiloj. Uzu se eble kaŭĉukajn stampilojn; tiam ne aŭdiĝos tiom da plendoj pri la nerespondo de samideanoj.

*F. A. Goodliffe* (Del. Letchworth).

# Gvidfolioj kaj gvidlibroj

**Gvidfolio** celas liveri al la vojaĝantoj la plej urĝajn informojn pri iu difinita urbo, ĉu el Esperantista, ĉu el ĝenerala vidpunkto. Ĝi enhavas: 1e la adreson de la Delegito kaj de la konsuloj; 2e la adresojn de la lokaj Esperantistaj grupoj, se estas, kaj iliajn

**UEA kreskos kaj fortiĝos precipe per la individua agado de ĉiuj siaj membroj.**

**Por 1914 ĉiu Esperantiano klopodu por varbi almenaŭ du novajn Esperantianojn!**

**Esperantianoj,**

**Antaŭ ol repagi la ordinaran kotizaĵon, atentu ke, pagante 125 Fr., vi estos dumviva membro de UEA kaj dumviva abonanto de Esperanto.**

kunvenejojn; 3e la adresojn de la firmoj kaj hoteloj rekomendataj al Esperantianoj; 4e kelkajn informojn pri la vizitindaĵoj, distraĵoj, prezo de la komunikiloj k. t. p.

Ekzistas ĝis nun gvidfolioj en la jenaj urboj [1]:

**Aŭstrio-Hungario:** *Bozen-Gries, Budejovice, Jindrichuv Hradec Kladno, Praha, Prostejov, Roznov.*

**Belgujo:** *Spa.*

**Bulgarujo:** *Sofia.*

**Britujo:** *Bath, Cheltenham, Cromer, Letchworth, Liverpool, London, Portsmouth.*

**Danujo:** *Aarhus, Kopenhag.*

**Finlando:** *Kotka.*

**Francujo:** *Beaune, Bordeaux, Calais, Dijon, Grenoble, La Rochelle, Louhans, Poitiers, Roye, Tours, Vienne.*

**Germanujo:** *Bamberg, Berlin, Breslau, Dresden, Elberfeld, Hannover, Kiel, Königsberg, Krefeld, Leipzig, Merseburg, München, Rostock, Stuttgart, Weinböhla.*

**Hispanujo:** *Cartagena, Madrid, San Sebastian, Sevilla.*

**Rusujo:** *Kiew, Moskvo, Odessa, Peterburgo, Saratov, Varsovio, Vladivostok, Viŝni-Voloĉok.*

**Svedujo:** *Stockholm.*

**Svisujo:** *Davos, Genève, Le Locle, Rorschach.*

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| *Prezo:* | 1 ĝis 10 ekz. | *10 ct.* | (4 sd.) | Por membroj de UEA. |
| | 11 „ 25 „ | *25* „ | (10 „) | |
| | 26 „ 50 „ | *50* „ | (20 „) | |
| | Plena kolekto (kun la Universitataj gvidfolioj) | *75* „ | (30 „) | |

Oni povas mendi ekz. de sama aŭ de malsamaj urboj laŭvole. Oni pagu per poŝtmandato, transpagilo, respondkuponoj aŭ respondpoŝtkarto 10 ct. Naciaj poŝtmarkoj, krom svisaj, ne estas akceptataj.

La supraj prezoj valoras *nur por la membroj de UEA*, kiuj ĉe la mendo notu sian membronumeron.

* * *

**Universitata gvidfolio** celas utili al la studentoj, kiuj deziras veturi eksterlanden por kompletigi siajn studojn en alilanda universitato. Ĝi enhavas informojn pri la Universitato (programo, kosto, studkondiĉoj), pri loĝejoj por studentoj, pri libertempaj kursoj por alilandanoj k. t. p.

Ĝis nun ekzistas tiaj gvidfolioj en la jenaj urboj:

*Dijon, Grenoble, Innsbruck, Milano, Nancy, Peterburgo, Poitiers.*

*Prezo:* Plena kolekto *25 ct.* (10 sd.) por membroj de UEA.

* * *

**Gvidlibro** celas konigi difinitan regionon kaj priskribi ĝiajn allogaĵojn.

I = ilustrita; R = resumo Esperanta.

La C. O. de UEA liveras afrankite gvidlibrojn de la jenaj regionoj laŭ la flanke montritaj prezoj [2]:

| | Ct. | Sd. |
|---|---|---|
| **Aŭstrio-Hungario** | | |
| *Franzensbad* (16 paĝ. 13×19,5. I) | *10* | 4 |
| *Krakow* (68 paĝ. 12×16. I) | *15* | 6 |
| **Belgujo** | | |
| *Antverpeno* (32 paĝ. 12×16,6. I) | *10* | 4 |
| **Britujo** | | |
| *Edinburgh* (32 paĝ. 11×15,5. I) | *15* | 4 |
| *Hastings* kaj *St. Leonards* (8 paĝ. 12×18. I) | *15* | 4 |
| **Finnlando** | | |
| *Vojaĝado en Finnlando* (64 paĝ. 12,5×18. I) | *25* | 10 |
| **Francujo** | | |
| *Tra la lando Anjou* (8 paĝ. 11×19. I) | *10* | 4 |
| *Rouen* (107 paĝ. 9,5×12,5. I) | *70* | 28 |
| *Vichy-Gvidlibreto* (24 paĝ. 14,7×9. I) | *10* | 4 |
| **Germanujo** | | |
| *Augsburg* (12 paĝ. 10,7×16,6. I) | *10* | 4 |
| *Bad Reichenhall* (32 paĝ. 11,5×16,3. I) | *10* | 4 |
| *Breslau* (24 paĝ. 11,5×16,5. I) | *10* | 4 |
| *Tra Dancigo* (16 paĝ. 11,5×16,5. I) | *10* | 4 |
| *Düsseldorf am Rhein* (24 paĝ. 12,3×22,2. R) | *10* | 4 |
| *Vizitu Esslingen apud Neckar!* (8 paĝ. 12×21,5. I) | *10* | 4 |
| *Stuttgart* (52 paĝ. 11,5×16. I) | *15* | 6 |
| *Weinböhla* (52 paĝ. 12,8×18,2. R) | *15* | 6 |
| *Wernigerode-Hasserode* (8 paĝ. 11×19. I) | *10* | 4 |

[1] Grupoj, societoj aŭ Delegitoj dezirantaj eldoni gvidfolion legu la klarigojn sur paĝoj 37—38 de la *Oficiala Jarlibro de UEA.*

[2] Societoj eldonintaj gvidlibron kaj dezirantaj partopreni en tiu servo bonvolu sin turni al la C. O. de UEA.



# Alvokoj

Pro la kreskanta nombro de artikoloj por tiu rubriko, ni estas devigitaj alpreni la jenajn regulojn, al kiuj niaj korespondantoj bonvolu alkonformiĝi:

1-e Ni enpresos en tiu rubriko nur alvokojn aŭ petojn havantajn ĝeneralan intereson je la vidpunkto de Esperanto aŭ de UEA. La notojn, kiuj havas karakteron de reklamo speciale por iu komercaĵo, eldonaĵo, urbo, ni akceptas nur kiel pagatajn anoncojn. Ili tiuokaze aperos en la parto speciale rezervata por la reklamo.

2-e Ni enpresos nur la alvokojn, kiuj estas sendataj de Esperantianoj aŭ Esperantiaj Entreprenoj.

3-e La redakcio rezervas al si la rajton resumi tiajn artikolojn.

*La redakcio.*

## UEA kaj pacifismo

Kun granda intereso mi legis la raporton de S-ro Rousseau pri UEA kaj ŝovinismo. Mi tute prave juĝas, ke UEA ankaŭ volas sin movi sur la kampo de l'pacifismo, ĉar ĝi estas tute konforma al § 1 de la Statuto. Nenio ja pli multe malhelpas plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj ol milito kaj militpreparoj.

Precipe la parto, kie en la raporto estas parolate pri la disvastigo de nejustaj kaj neĝustaj informoj, altiris mian atenton, ĉar samspeca temo ankaŭ estas pritraktita dum la XXa universala kongreso de paco en Hago. Tie ĉi interalie S-ro Neild el Anglujo proponis al la pacifistoj unuiĝi por formi „skribklubojn", kiuj aldonus al la gazetaro bonajn pacartikolojn, kaj D-ro Westphal, el Stuttgart, almontris la utilecon de interŝanĝado de gazetar-eltranĉaĵoj por tuja kontraŭparolo de malveraj informoj. Nu, ĉu ni Esperantianoj ne povus formi tian klubon kaj tiel doni al la pacifistoj ekzemplon de la valoro de nia asocio? Certe, ne ĉiu Esperantiano povus esti membro de tiu klubo, ĉar ne ĉiu havas tempon kaj konon por tio. Sed sendube ekzistas multaj membroj de UEA, precipe virinoj, kiuj havas tempon kaj ŝaton labori por la komuna bono de l'mondo. Tiuj personoj precipe devus esti pretaj doni tiajn informojn kiel S-ro Rousseau notis en sia raporto. Certe, ankaŭ la Delegitoj povus liveri tiujn informojn; ŝajnas al mi pli bone, ke tio estos la tasko de speciala helpantaro, ĉar ne ĉiu Delegito havos ĉiam okazon liveri tiajn, ofte detalajn informojn.

Krom la liverado de petitaj informoj la membroj de tia helpantaro povus interŝanĝi gazetar-eltranĉaĵojn (estus tial necese ankaŭ konigi la lingvojn, kiujn oni povas legi krom Esperanto), skribi leterojn pri pacifismo unu al alia, k. t. p. Nova kotizaĵo ne estas

necesa, ni bezonus nur iom da kunlaborado de „*Esperanto*" por ke tiu ĉi enpresigu la nomojn de tiaj helpantoj kaj se necese aliajn komunikaĵojn.

Volonte mi ricevus korespondaĵojn de aliaj Esperantianoj pri tiu afero, por tiamaniere provi samtempe praktike solvi la diskutojn pri raporto 7 (UEA kaj ŝovinismo) de la Kvara Kongreso de UEA kaj pri la raporto pri la gazetaro kaj la pacmovado de la dudeka Universala Kongreso de Paco.

*C. Chr. Droogendyk* (Del. Stavenisse Nederlando).

## Ekspozicioj

S-ro *Bialocerbievski*, Konstantinov (Petrikov gub., Rusujo), kolektas materialon por Esp. ekspozicio, kaj sincere petas Esperantistojn sendi al li esperantaĵojn. Ĉia eĉ malgranda donaco estos danke akceptata.

* * *

Krom parolada kaj Esperantokursa propagandoj mi volas organizadi Esperantistan Ekspozicion: Por tio mi petas ĉiujn gazetojn bonvole sendi ekzempleron de sia lasta numero. Mi esperas, ke ĉiuj gazetoj bonvolos montri pruvon de la propra ekzistado por propagando kaj por helpi nian movadon, kiu estas ankoraŭ infano en Bahia Blanca de kie ĝi disvastiĝos en ĉiujn urbojn Argentinajn. Por sama celo mi ankaŭ petas ĉiujn gesamideanojn bonvole sendi al mi ĉiajn Esperantaĵojn.

*Delfi Dalman*,
Strato 19 de Mayo, 151, *Bahia Blanca* (Argentina Respubliko).

* * *

La subskribinta Konstanta Ekspozicio de la Esperantista Klubo en Kladno, petas per tio ĉiujn aferistojn, eldonistojn kaj la tutan Esperantistaron, ke ili afable subtenu nian celon per alsendo de gazetoj, prezaroj, komercaĵoj, fotografaĵoj, pentraĵoj (naciaj kostumoj k. s.) kaj ĉiuspecaj propagandiloj aŭ donace aŭ por modera prezo por rekomendadi ilin ne sole al samurbanoj sed ankaŭ al ĉiujare trapasantaj fremduloj, kiuj vizitas Kladnon pro ĝiaj vidindaĵoj, komercoj, k. t. p. (vastaj ferejoj, mirindaj karbminejoj k. a.).

*Konstanta Ekspozicio de la klubo „D-ro Zamenhof"*,
*Kladno 983*. (Bohemujo, Aŭstrio).

## Militistoj kaj ruĝkrucanoj

Intencinte fari paroladon pri Esperanto, en niaj militaj rondoj, pri ĝia rilato al militistoj kaj al Ruĝa Kruco, mi petas ĉiujn militistojn (oficiroj, oficistoj, kuracistoj, junkroj, soldatoj k. t. p.) kaj ruĝkrucanojn, skribi al mi: kiel estas disvastigita Esperanto en via lando aŭ urbo, inter militistoj? Kiajn utilojn ĝi donas al militistoj, dum paca tempo kaj milito? Prefere ekzemploj kaj ciferoj . . . Sendu diversajn broŝurojn.

Kapitano *L. Illaŝeviĉ*, Delegito de UEA,
Moskovskaja 26, *Kiev* (Rusujo).

## Sendu afiŝojn!

En nia lernejo estas granda kolekto da afiŝoj por montrado de ili al geinfanoj. Tiuj ĉi afiŝoj prezentas precipe bildojn de pejzaĝoj kaj bestoj, eĉ reklamaj afiŝoj estas akceptataj.

Mi estis komisiita de lernejestro, ke mi prizorgu artpentritajn afiŝojn el la tuta mondo por tiu ĉi kolekto. Do mi petas, ke ĉiu Esperantisto bonvolu afable helpi al mi, ĉar tio havos grandan influon al nia ideo.

Ĉion sendu al: *Frant. Kuĉavn*, ŝparkasisto,
*Knezeves apud Rakovnik* (Aŭstrio-Bohemujo).

## Ĉirkaŭiro de Francujo per Esperanto

Oni multege skribis, ankoraŭ skribas pri la Balkanaj militoj. Por montri la verajn kaŭzojn de ili kaj lumigi la konsciencon de la franca societo pri la situacio (geografio, historio, loĝantaro, religioj, moroj, aspiroj) de tiu interesa duoninsulo, nia konata bulgara samideano S-ro Iv. H. Krestanof (L. K.) entreprenis dum oktobro ĝis novembro longan ĉirkaŭvojaĝon tra Francujo. Li ekiras la 3 oktobro kaj pasonte tra: *Paris* (3—4 okt.), *Chartres* (4 okt.), *Orléans* (5 okt.), *Blois, Tours, Angers*, li haltos por 1 monato en *Hennebont-Lorient* kaj poste tra la urboj: *Nantes* (7 nov.), *La Rochelle, Bordeaux* (8 nov.), *Toulouse* (9 nov.), *Carcassonne, Béziers, Montpellier, Nîmes, Marseille* (10 nov.), *Arles, Tarascon, Avignon, Orange, Lyon, Bourg* (11 nov.), *St-Amour*, li revenos en Dijon.

Tiuj el la Esp. grupoj aŭ Del. UEA troviĝantaj sur la vojo, kiuj deziras profiti lian trapason por propaganda celo — ĉar li parolados nur en Esperanto — bonvolu informi lin kiel eble plej frue. La ĉiama adreso estas: *Ivan H. Krestanof*,
poste-restante *Dijon* (France).

## Esperantaj gvidlibroj

Pro grava afero ni volas interesi la ĉitiean trafikan unuiĝon por nia movado. Tial ni petas, ke ĉiu grup-sekretario aŭ Delegito, kies urbo posedas esperantan gvidlibron aŭ gvidfolion, bonvolu afable sendi almenaŭ 1 ekz. al la adreso de:

*Frankfurter Verkehrsverein für Frankfurt a. M. und Umgegend (E.-V.)*
Bahnhofplatz 8, *Frankfurt a. M.* (Germanujo).

Ni volas konvinkigi la unuiĝon, kiu dubas pri la utileco de Esperanto, ke en la tuta mondo ekzistas gvidlibroj esperantaj kaj helpi ke ankaŭ aperu esperanta gvidlibro de nia urbo.

Al ĉiuj gehelpantoj tre sinceran dankon.

*Esperantista Grupo (E.-S.)* Frankfurt a. M. (Germanujo):
*Ernst Hummel*, prez. *Rob. Kreutz*, sekr.

MONTBÉLIARD (Francujo, Doubs). — S-ro Thom Emile, 21, rue de Belfort, Pl., bfl.

MONTBÉLIARD (Francujo, Doubs). — S-ro Iltis Paul, rue Viette, Pl., bfl.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro A. Saŝin, 13-jara, Poŝtamt, poste-restante.

MUENCHEN (Germanujo, Bavarujo). — F-ino M. Hahn, Gesellschaft Esperanto, Hotel Reichshof, Pl., bfl.

OREL (Rusujo). — F-ino Kruglikov, poste restante, Pl., K.

OXTON (Anglujo, Cheshire). - S-ro H. W. Hazlehurst, 19, Storeton Road (kun germanoj pri sociala kaj politika vivo de l'germana gento).

POITIERS (Francujo, Vienne). — S-ro André Papillon, 17, rue St-Pierre-le-Puellier, PM., PK., Pl., bfl.

POLSKA OSTRAVA (Aŭstrio, Silezio). - F-ino Vlasta Černikova liceo, Polska Ostrava 988, PK., L.

PORTO (Portugalujo). — S-ro Reynaldo Gomes, 98, rua da Pena Pl., bfl. (prefere kostumoj; kun ĉiuj landoj).

REUS (Hispanujo, Tarragona). — S-ro Polikarpo Vilarmau, Sto Mar 28, PM., PK.

RIO DE JANEIRO (Brazilujo). — S-ro Odillo Pinto, 2-a Secçâo da Contabilidade dos Telegraphos.

SLUCK (Rusujo, Minsk. gub.). — S-ro A. Norkin, studento, L. Pl. PM.

TOKIO (Japanujo). — S-ro K. Shirosaki, P. O. Box 3, Kojimachi Pl., bfl. (kun ĉiuj landoj).

TOULON (Francujo, Var). — S-ro M. Chapot, 22, Avenue de Claret, Pl. (kun ĉiuj landoj).

VLADIVOSTOK (Siberio). — S-ro revizoro Aleksandro Pagirev, Krepostnoj Kontrol (Citadela Kontrolo) Pl. (kun ĉiuj landoj).

VOITSBERG (Aŭstrio, Stirio). — S-ro Otmar Russheim, (vere belegajn kun ĉiuj landoj, escepte Aŭstrio, Hungar., Germ. kaj Svis.).

ZAKATALO OKRUĴNOJ SUD (Kaŭkazo). — S-ro Paolo Ŝvan, skribestro.

ZGIERZ (Rusujo, Polujo). — S-ino Helena Knapska, Pl., PM. (kun ĉiuj landoj; sendas rusajn jubileajn PM.).

ZIZKOV-PRAHA (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro J. Vik ĉe S-ro J. Lukes, Karlova 26.

ZURICH (Svisujo). — S-ro Franz Demuth, Rollengasse 2/III, PK., PM. (kun ĉiuj landoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ARGENTINO. — Mi koregе petas la samideanojn en Buenos-Aires kaj ĝenerale en Suda Ameriko tuj sciigi al mi la adreson de mia kara samideano, harmoniumfaristo Herman Buehlemann el Leipzig. Plue mi kore petus ĉiun, kiu povas atingi lin iamaniere, tuj sciigi al li, ke en la germana konsulejo (Deutsches Konsulat) en Buenos-Aires lin atendas tre gravaj leteroj. Ĉiujn elspezojn mi repagos. H. R. Voigt, Johann-Georgstrasse 24/II, Leipzig-Gohlis (Germanujo).

ATENTU! — S-ro Georg Davidov, Rusujo, Saratov, Poŝtkesto 12, aĉetas fotografaĵojn de Esperantistaj Societoj, grupoj, kongresoj, kunvenoj, ekspozicioj, ekskursoj, ĉu apartaj fotografaĵoj, ĉu eltranĉitaj el gazetoj, ĉu faritaj de amatoroj. Volu fari proponojn. Ankaŭ li kolektas sigelmarkojn kaj gazetojn esperantajn.

ATENTU! — Kiu volas gajni monon por tradukado de utilaj konversaciaj frazoj, lertaj kaj humoraĵaj artikoletoj k. s. el Esperanto en francan, anglan, germanan, rusan k. t. p. lingvojn aŭ male? Proponoj al la Esp. Klubo „D-ro Zamenhof", Kladno 983, (Aŭstrio, Bohemujo).

BRODAĴO, SILKAĴO, ŜALOJ kaj ĉio rilate al virina vestiĝo. Vigla agento mem pagas vojaĝkostojn, posedante gravan pograndistan klientaron en tuta Anglujo, deziras ankoraŭ kelkajn komisiajn reprezentadojn por fabrikistoj de supraj artikoloj. Applebaum, Mayville Road, Liverpool.

ĈIUJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke ne povas esti festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo sen ESPERANTO, burgunda ŝaŭmanta vino por Esperantistoj, de S-ro *Gaston Charcousset* Esperantia entrepreno). Bonega kvankam malkara: *Petu* senpagan esperantan prezaron de *J. Pion-Muller*, 21, rue de Lorraine, *Beaune*, Côte-d'Or, Francujo.

GRAVAJ INFORMADOJ PRI BRAZILUJO. — Bonvolu vidi mian detalan anoncon en Jarlibro de UEA 1913. — Delegito de UEA Carlos Chr. Muller, Joinville (Santa Catharina), Brazilujo.

HELPO POR PROPAGANDO. — Por propagandi Esperanton en la granda „Gesellenverein" (unuiĝo de la metihelpistoj), ĉiulandaj samideanoj estas ĝentile petataj skribi ian karton aŭ sendi ian esp. presaĵon al la Gesellenverein, Nürnberg, Bavarujo, Tafelhofstr. 7.

ILUSTRITA GVIDLIBRO Esperanta tra Graz, la verda ĝardenurbo, ĉefurbo de Stirio en la Aŭstriaj Alpolandoj, 80-paĝa, multilustrita. Prezo: 0. 20 Sd. (2 internaciaj respondkuponoj), ricevebla de la Stiria Esperantista Societo en Graz, Aŭstrio, Schonaugasse 6.

JUNA FRANCO, diplomita de la Dijon'a Komerca Lernejo, parolanta la germanan lingvon, deziras oficon dum unu jaro en Germanujo por sin perfektigi. Ne postulema. Skribu por sciigoj al S-ro L. Porte, Del. en Nevers, Francujo.

MANDOLINISTOJ. — S-ro A. Besnard, 26, rue Antoinette, Paris, deziras provi recenzon de mandolinistoj kaj gitaristoj en ĉiuj landoj per Esperanto. Sendu adresojn, li ĉiam respondos per il. poŝtkartoj.

NOTU KAJ OBSERVU! — Interŝanĝejo por poŝtmarkoj Tyko Vesa, Abo, Finnlando. Sendu al mi PM. el via lando, kaj mi sendos al vi PM. el Finnlando kaj aliaj nordaj landoj. Komencu tuj interŝanĝi kun mi.

RIMEDOJ por la konscia regulado de la infannombro. Por 10 sd. aŭ unu respondkupono tiu ĉi broŝureto estas alsendata senpage de D-ro J. Rutgers, Verhulststraat 9, Hago, Nederlando.

RUSA VORTARO de P. Stojan, laŭ modelo Larousse, enhavas 40 mil vortojn kaj 1300 bildojn. Afrankite kaj rekomendite Sm. 3. 50, bone bindita Sm. 3. 80. Librejo „Esperanto", Lubjanski pr. 3, Moskvo.

WEINBÖHLA. — Ĝardenurbo de Dresden. Agrabla loĝado. Esperantaj prospektoj haveblaj ĉe Magistrata domo (Rathaus), instruisto A. Sohrmann, Kronprinzenst. 5.

# ATENTU! GESAMIDEANOJ!

Per malgranda monsumo vi povas akiri bonegan hejmon en unu el la plej belaj kaj produktemaj valoj de Kalifornio, kaj hektaron da akvumata tero, kiu plene sufiĉas por provizi al vi kaj via familio agrablan kaj sendependan vivadon por ĉiam.—Tiu ĉi tero estis antaŭe anoncata en „Pacifika Espero“, sed, dank'al speciala komunuma aranĝo, ĵus nun efektivigita, estas eble treege plifavorigi la pag-kondiĉojn, kaj ebligi al limigita nombro da laboremaj samideanoj, akiri por si estontan sendependecon. — Permesu al ni sendi senpage niajn prospektojn, kiuj klarigas pri la tero, situacio, prezo, kondiĉoj, k. t. p., kune kun rekomendoj de gravaj Kaliforniaj institucioj, kiuj konas kaj aprobas nian entreprenon.

KALIFORNIA ESPERANTISTA KOMUNUMO (KEK)

620, Ivy St., SAN FRANCISKO, Kalif.

# KOMERCO

Akceptejo de novaj elpensaĵoj por disvastigi ilin en la Rusa Imperio

LODZ (Rusl-Polujo) Konstantinovska, 49

KOMERCO penegadas disvastigi kaj diskonigi ĉiujn ajn eltrovaĵojn, de la plej malgravaj ĝis la plej gravegaj.

Se vi deziras aĉeti aŭ vendi ion en Rusujo, plejbone Vi faras skribante antaŭe al „Komerco“.

KOMERCO klopodas varbi por Rusujo laboremajn ripreventantojn por ĉiuj brancoj de l'komerco kaj industrio.

KOMERCO esperas, ke la Esperantista mondo ankaŭ bonvolos ĝin subteni, por kio ĝi dankegas antaŭe.

**Modernaj literoj** **Kompostmaŝinoj**

# La Presejo Büchler & Ko

1788 TELEFONO 1788

Ĉefa entrepreno: **Kirchenfeld** — **Bern** — Filio: **Gerechtigkeitsgasse**



rekomendas sin por

## Ellaborado de ĉiuspecaj presaĵoj

Honora diplomo (plej alta mencio) Thun 1899
Medalo „Gutenberg“ Leipzig 1905

**Ĉiu mendo estas plenumata gustoplene, rapide kaj malkare — Devizoj ĉiam senpage**

STEREOTIPIO :: PROPRA BINDEJO

**13 rapidpresiloj** **29 ĉevalfortoj**

# HOLDEN FRATOJ

liveras Botojn, Ŝuojn, Sandalojn, Pantoflojn, Kaŭĉukajn Ŝuojn, Ŝtrumpojn kaj Ŝtrumpetojn. Ĉiuj ekskluzive laŭ la tipo „Naturformo“



## HOLDEN FRATOJ

3, Harewood Place, Oxford Circus, London W.

Katalogoj senpage. Oni parolas Esperante.

La artefarita




BERLIN NW 6, Luisenstr. 51.
Oni parolas esperante!

## Nova kuracmetodo!

Por malsanoj de la asimilo, de la sango kaj por malsanoj de la koro kaj de la nervoj k.a. Oni mendu prospektojn esperantajn (senpage) aŭ broŝureton (20 Sd.).

— DU FAKKURACISTOJ.
Direktoro: D-ro BREIGER.

# Esperantista Kantaro

Dua eldono. — 6a—10a milo

Kolekto de germanaj kaj diversnaciaj popolkantoj, esper. de L. E. MEIER, D-ro L. L. ZAMENHOF, F. PFEIL, AD. ŜEFER, C. BICKNELL kaj aliaj. Kunmetitaj de WILHELM FRIES

**TEKSTARO:** broŝurita Sm. 0.250; kartonita Sm. 0.300

**MUZIKA ELDONO** Sm. 0.500

*Neniu samideano, neniu kunveno estu sen tiu vera internacia kantotrezoro!*

**GERMANA ESPERANTO-LIBREJO, LEIPZIG**
**3, Johannisplatz 3**

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO